# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia


## Pacfonto



La plej abunda pacfonto estas la karitato.

La karitato ja estas, diras sankta Paŭlo, en sia unua epistolo al Korintanoj (XIII, 4), pacienca, indulgema; la karitato ne estas konkurema, ne fanfaronas, ne trofieriĝas. *Charitas patiens est, benigna est; charitas non æmulatur, non agit perperam, non inflatur.*

La karitato ne estas glorama, ne celas por si mem, ne koleriĝas, ne pripensas malbonon. *Non est ambitiosa, non quærit quæ sua sunt, non irritatur, non cogitat malum.*

La karitato ne ĝojas pri la maljusteco, sed kunĝojas kun la vereco. *Non gaudet super iniquitate, congaudet antem veritati.*

La karitato ĉion toleras, ĉion kredas, ĉion esperas, ĉion paciencas. *Omnia suffert, omnia credit, omnia sperat, omnia sustinet.*

Kaj oni povas tute certigi, ke se la karitato ĉiam regus la rilatojn inter la homoj kaj la popoloj, neniam okazus batalo kaj milito.

Nu, kio ja ordinare kaŭzas malkonkordon kaj konsekvence militon? Tio estas malpacienco. Iu ne volas toleri, ke la najbaro trafas sukceson, kaj kelkafoje tion sciigas iomete troemfaze. Fanfarono kaŭzas malpacon, ĉar ĉiufoje estas iu, kiu volas restarigi la verecon. Trofieriĝo naskas ĵaluzojn kaj malŝaton. De malamo al malkonkordo estas nur unu paŝo. Gloramo, avidemo, kolero, suspektemo, netoleremo nedubeble kondukas al milito.

Kiu nenion toleras, eĉ akrajn verajn parolojn; kiu nenion kredas, eĉ la bonajn intencojn; nenion esperas, eĉ la konvertiĝon; nenion paciencas, eĉ la maloportunaĵojn, tiu estas esence disputema, batalema, militema.

Kaj kiam ni skribas « iu », ni celas ne nur homon, sed ankaŭ nacion.

Ni do devas pli kaj pli enkonduki la karitaton, la kristanan karitaton en la intergentajn rilatojn, por ke pli kaj pli firme stariĝu paco, la kristana paco sur la terglobo.

*Et pax Dei, quæ exuperat omnem sensum, custodiat corda vestra, et intelligentias vestras* (Filipianoj, VI, 7). Kaj la paco de Dio, kiu superas ĉian sperton, gardos viajn korojn kaj pensojn.

GEORGES RAMBOUX, *presbitero.*

## La politika stato de Ĥinujo kaj ĝia reago sur la katolika misi-agado

de MSRO GEORGO WEIG, *titola episkopo de Antandrus, apostola vikario de Tsingtao en Ĥinujo.*

Kio okazas nunmomente en Ĥinujo? Kiel evoluiĝos « la ĉiela regno »? Kiajn antaŭvidojn havas la katolika Eklezio? Jen demandoj ofte al mi farataj dum mia vizito al Eŭropo je la komenco de la jaro 1930.

Eŭropo sekve montras egan interesiĝon rilate al la regno kun kvarcent milionoj da anoj en la malapuda Oriento, interesiĝon tute pravan. Ĉar ĉi tiu lando, kiun antaŭe la ne-ĥinologo konis nur ekskluzive el anekdotoj kaj ŝercrakontoj, proksimiĝis al ni ĉiujare pro la moderna intertrafiko; ĉi tie okazas faktoj, gravegaj por la tuta mondo.

preno du nuna Ĥinujo? Kiel oni klarigu la egan disvolviĝon de ĝia fremdlanda politiko, kiu ĝin igas venki fojon post fojo la fremdlandajn Potencojn, sed ankaŭ la senkonsolan ĥaoson, kiun montras la lando interne?

Ĉi tie estas tuj nomota Sun-Yat-Sen, la homo, kiu signifas por juna Ĥinujo ankoraŭ pli ol Lenin por Ruslando; sed kun la diferenco, ke la ideoj kaj idealoj de Sun-Yat-Sen igis entuziasmiĝi la grandan popolamason nur post lia morto, en marto 1925. Havante ĉiujn ecojn de revoluciulo li penis senripoze kaj sentime atingi ununuran celon: liberigi



ANTIKVA KAJ MODERNA ASPEKTO DE STRATO EN ŜANGHAI

En la jaro 1900 la politika potenco de Ĥinujo estis atinginta sian plej malaltan nivelon. La serio da humiliĝoj, kies unua estis la malsukcesa opiomilito kontraŭ Anglujo (1841), trovis en jaro 1900 sian lastan, sed samtempe plej premegan punkton en la kompensosumoj, kiujn la Eŭropaj potencoj postulis pro la ribelo de l' Bokseroj. Tiu ribelo estis estinta la lasta senpova sindefendo de antikva, memkontenta Ĥinujo kontraŭ la okcidenta kulturo, kiu provis enpenetri el ĉiuj direktoj. Klarvidaj homoj jam estis plurfoje insistintaj en la dua duono de la deknaŭa jarcento ĉe la alta registaro en Peking, ke ĝi sin orientu alien. Ankaŭ Sun-Yat-Sen, la homo de l' estonto, agitis multe. Post la jaro 1900 la okcidenta kulturo komencis multe influi grandegajn rondojn de la loĝantaro; kaj iom post iom nun venis la granda aliiĝo. Alilandulon oni daŭre malestimadis kiel sintrudulon, sed fremdlandaj sciencoj kaj kutimoj estis ŝatataj kaj akiris civilrajton. Fine la nova vino igis dissalti la malnovajn sakojn. La malnova, konservativa imperio estis en la jaro 1911 renversata, kaj respubliko proklamata. Komence la respubliko ŝajnis esti delikata kreskaĵeto; sed la profetoj, kiuj al ĝi antaŭdiris ekzistadon nur mallongan, pruviĝis ege malpravi. Nun post dudek jaroj la respubliko enradikiĝis pli forte ol iam.

Kie oni serĉu la ŝlosilon por bona kom-

Ĥinujon de la tielnomitaj « neegaligaj traktatoj », kiuj estis al ĝi altruditaj de la fremdaj Potencoj en la lasta jarcento; Ĥinujo estis rekonstruota sur novaj fundamentoj, altigota ĝis grado de moderna grandpotenco, destinita ja estiĝi tio, pro la riĉaj fundotrezoroj en sia senlima amplekso, pro la multnombreco kaj lerteco de sia loĝantaro. La Ĥinoj ĉiam estis konstruitaj sur sablo senkohera, kutimis diri Sun-Yat-Sen, ili vere estis popolo, sed ne kohera nacio. Kun ĝenlibera elokventeco li ege reliefis la mankojn de siaj samgentanoj, precipe ilian senlaboran malviglecon: li vidigis al ili spirite la ruiniĝon de Ĥinujo, la entutan elliveron kaj submeton de l' ĥina popolo al fremdlandaj kapitalo kaj imperialismo, se ili ne agos tuj kaj laŭeble forte. Plie Sun-Yat-Sen ilin admonas ne forlasi la bonajn morojn de l' prapatroj; infanoj montru al la gepatroj respekton kaj obeon; la laŭproverbaj diligenteco kaj sobreco, unuvorte la virtoj predikitaj jam de Kong-fu-ste, estu laŭ li praktikotaj ankaŭ de nuna Ĥinujo. Sed plie necesis progreso sur la tuta linio. Komerco kaj industrio estis evoluotaj; la abundaj mineraloj ekpluotaj; la nudaj montoj provizotaj je arbaroj; la fervojaro disvastigota, kaj komerco-ŝiparo pretigota. Estis programo grandioza, la plano, kiun li elvolvis en siaj paroladoj en lingvaĵo, kiu kvazaŭ prisorĉis kaj magie allogis lian aŭdantaron.

Neniam ili estis aŭdintaj tiamaniere eldiri okcidentlandajn ideojn. La amikoj kaj samideanoj de Sun-Yat-Sen progresigis lian laboron. Tuj post lia morto ili disvastigis je cent mil ekzempleroj koncizan verketon, la politikan testamenton de sia althonorata majstro. Ĝi tekstis proksimume jene: « Mi, Sun-Yat-Sen, jam klopodegis dum kvardek longaj jaroj por la efektivigo de mia idealo: la nuligo de l' neegaligaj traktatoj. La celo ankoraŭ ne estas atingita. Ankaŭ la tri fundamentaj principoj: naciismo, demokratismo kaj socialismo ankoraŭ ne funkcias kontentige. Pro tio mi ĵurpetegas miajn samgentanojn, ke ili penu atingi tiun altan celon ĝis la fino. »

En tre mallonga tempo tiuj kelkaj devizoj estis en la buŝo de ĉiuj. Ĉiutage ili paradis grandlitere sur la unuaj paĝoj de l' gazetoj. En ĉiuj stratoj kaj anguloj ili estis pentrataj en urboj kaj vilaĝoj sur la grandaj murfakoj. Eĉ sur leteroj kaj poŝtfolioj oni trovis ilin presitaj kun portreto de Sun-Yat-Sen aŭ almenaŭ kun la suno, ĉirkaŭata de dekdu radioj sur blua fono: la simbolo de la vekiĝanta juna Ĥinujo. Fine ja la suno de liber-[illegible] eterne brila ĉielo super la ĥina popolo, kiu kuŝis ankoraŭ kurbigita sub la subpremo kaj mizero de cent jaroj. La nova Ŝtatkonstruaĵo ripozu laŭ Sun-Yat-Sen sur tri kolonoj: naciianismo, demokratismo kaj socialismo, kiuj terminoj tamen havas iom alian sencon ol en Okcidentlando. Por Sun-Yat-Sen multe gravis tiuj tri fundamentoj, la tielnomita tridemismo. La Ĥinoj estu nacianaj, tamen ne malestimante aliajn gentojn. Popolgubernon li deziris, sed li volis vidi la ŝtatpotencon dividitan inter kvin gubernorganoj, anstataŭ tri, kiel ĉe la Okcidentuloj. Socialismon en la senco de Marks li forĵetis: privatpropraĵo estu sankta, sed la ŝtato nur atentu, ke tiu propraĵo ne kresku ĝis senfino; la antikva feŭdalismo ja estis por li abomenaĵo.

Sovaĝatake la ideoj de Sun-Yat-Sen radikis en la mensoj kaj koroj de l' Ĥinoj: ne nur en la Nordo, sen ankaŭ en la Sudo ili alte ekflamigis la ardon de l' patriotismo, kiu verdire ne sukcesis forpreni la egoismon kaj la jam-de-longajn disputojn inter samgentanoj, sed tamen estis sufiĉe forta por unuigi la Ĥinojn je unu potenca falango kontraŭ la fremduloj. Se unueco igas forta jam malgrandan popolon, kiom pli popolon de kvarcent milionoj! Je politika rilato ĝi volas esti tute memstara, rompi la ligilojn, per kiuj la Eŭropaj Potencoj ligis la landegon, surmetante sur ĝin ĉiajn traktatojn, pro kiuj ĝi estiĝis ekspluatobjekto por la fremduloj. Oni kelkiam asertas, ke la Ĥinoj estas malamiksentaj al la eksterlandanoj. La aserto estas vera nur en jena senco: kiam Ĥino vidas en fremdulo minacon de siaj libereco, lando aŭ propraĵo, li defendas sin; cetere li praktikas gastamon meritantan ĉies admiron kaj laŭdon.

La antikvaj dioj de Budhaismo senrespektiĝis en juna Ĥinujo. Eĉ la gloro de Kong-fu-tse komencas paliĝi; oni verdire lin honoras kiel unu el la eminentuloj de la lando, sed Sun-Yat-Sen antaŭ nelonge akiris suraltaran honoradon kiel savinto de l' patrujo. La ĉiulanda soleno je lia honoro devas eternigi lian gloron. El ĉiuj lernejoj, soldatejoj kaj oficejoj estas ordigita aparta salono, kie paradas la bildo de Sun-Yat-Sen en kadro formata de la regna kaj komerca flagoj. La ĉiusemajna ritprogramo estas jena: 1-e Ĉiuj ĉeestantoj riverencas profundege al la bildo de Sun-Yat-Sen; 2-e Alterne oni laŭte diras la nomitan politikan testamenton de l' honorato; 3-e Dum kvin minutoj oni silente meditas pri la tri punktoj; 4-e Tiam vicas pa-

## EL NEDERLANDO

### Preĝado por la plibonigo de la ekonomia situacio

Laŭ letero de la 2 februaro la Nederlanda Episkoparo ordonis specialan publikan preĝadon dum la grandaj fastoj por akiri de Dio la plibonigon de la nuna malbona ekonomia situacio.

Tiuj ĉi preĝoj konsistas el : 1-e, dum ĉiuj Sanktaj Mesoj la *oratio imperata : Pro quacumque tribulatione* (nº 13) tamquam pro re gravi etiam in dup. 1 cl. ; 2-e, dum la Laŭdoj je Dimanĉo, la Litanio de Loreto.

### Silenta nokta procesio en Amsterdamo

En la nokto inter la 14 kaj 15 marto, en Amsterdamo, ree okazos tiu silenta, sed pro tio eble ankoraŭ pli impona giganta katolika demonstrado, kiun ni nomas : la Silenta Nokta Procesio, kaj kiun ni detale priskribis en *Espero Katolika* la antaŭan jaron. Estas evidente, ke la partoprenado ne estos malpli granda ol la antaŭa jaro. Specialaj vagonaroj alportos la pilgrimantojn al nia ĉefurbo, kiu samtempe estas la Nederlanda Eŭkaristia centro.

J. H. Westen.

# Katolika Junularo de Germanujo

### Dua jara kongreso en Altenberg — Problemoj de la junulinoj
### La popolpolitika situacio — La studentoj en la junularo
### Salutoj al ĉefministro Brüning

La respondecaj gvidantoj de 1 1/2 milionoj da junaj germanaj katolikoj kunvenis la 23-25 januaro en Altenberg por la dua jara kongreso de la Katolika Junularo en Germanujo. Krom la administraj aferoj, tri gravaj temoj estis sur la tagordo : la virina junularo ; la popolpolitika situacio ; la studentoj en la katolika junularo.

Ministeria konsilantino kaj Reichstag-deputitino Helene Weber (Berlin) faris la unuan paroladon, montrante, kiel la virina junularo en la lastaj jardekoj, precipe pro progresanta profesia laborado de la virinoj, trairis gravajn eksterajn kaj internajn ŝanĝojn, kiel estiĝis nova, realista, malebria, sendependa junulina tipo. Pri ĝiaj malbonaj flankoj oni jam multe parolis, tamen ĝi havas ankaŭ pozitivajn utilojn. Se hodiaŭ vivas en Germanujo du milionoj pli da virinoj ol viroj kaj do multaj neniam povos edziniĝi, ni devas vidi en tio ne nur mizeron, sed ankaŭ intencon de la Providenco kaj *vokon de Dio.* Do estas nekatolika maljustaĵo, vidi en la profesie laboranta virino duagradan virintipon malpli valoran ol la edzinoj kaj patrinoj. Ni devas gardi nin kontraŭ du danĝeroj : kontraŭ la opinio, kvazaŭ la virino estus sole dependa, servanta estaĵo, kaj kontraŭ la kolektivigo de la virino, kiu detruas la propran karakteron kaj personecon.

En la diskutado estas donitaj interesaj praktikaj proponoj, ankaŭ pri kunestado kaj kunlaborado de junuloj kaj junulinoj el la katolikaj ligoj (kompreneble temas pri la pli aĝaj), pri junulina pedagogio, politikaj problemoj, ktp.

Pri la *popol-politikaj taskoj* de la nuntempo paroladis Prof D-ro Alois Dempf (Berlin) kaj ĉefsekretario D-ro Johannes Nattermann (Köln). En la junularo nun progresas la radikalismo dekstra kaj maldekstra, do naci-socialismo (Hitler) kaj komunismo. La katolika junularo estis ĝis nun el ĉiuj pli grandaj junularaj rondoj la sola, kiu povis [illegible] havas specialan devon zorgi, ke tio restu, ke nia gejunularo ne estu gajnata por danĝeraj iluzioj kaj ke ĝia sana radikalismo estu uzata por pli bonaj celoj. Nattermann atentigis pri *kristana* idealo de heroo, kiu esence diferenciĝas de la naciista laŭdo de la nebridita forto, pri kristana idealo de la ŝtato, de nova ekonomio, ktp. Oni decidis sendi *salut-telegramon al kanceliero D-ro Brüning.*

Krome oni elektis specialan komisionon, por persone viziti la ĉefministron kaj lin informi pri la situacio, la zorgoj kaj la volo en la katolika junularo. Ĉi tiu komisiono, konsistanta el la vicprezidanto de la Katolika Junularo de Germanujo Hubert Strauf (Essen) kaj el D-ro Karl Holzamer (Bonn), D-ro Wilhelm Solzbacher (Köln) kaj la juna Reichstag-deputito August Winkler (Köln), ricevis ankoraŭ, la 25 januaro, pli longan interparoladon kun ĉefministro D-ro Brüning en la domo de la registara prezidanto de Köln, okaze de la restado de la kanceliero en tiu urbo. La interparolado ne estis vana !

La tria temo de la Altenberga kunveno estis *la katolikaj studentoj*. Paroladis D-ro Walther Hensel (Düsseldorf) kaj Erich Reisch (Berlin), la unua el la vidpunkto de la malnovaj « korporacioj », la dua kiel gvidanto de « novstudenta » movado. Okazis interesa diskutado.

Tri novaj asocioj estas akceptitaj en la Katolikan Junularon de Germanujo, kiu do nun konsistas el ekzakte 30 ligoj. Jen iliaj nomoj (iomete mallongigitaj) : Junvira Asocio, Junulina Asocio, Junmetiista Unuiĝo (germana sekcio), Junulara Ligo en la Komercista Asocio, Junulina Ligo en la Virina Ligo, Ligo de Junaj Instruistoj, Ligo de Junaj Instruistinoj, Laborista Junularo, Nova Germanujo (liceanoj), Quickborn, Jungborn, Kreuzfahrer, Normannsteiner, Jungland, Grossdeutsche Jugend (Grandgermana Junularo), Mondjunularo Katolika (germana sekcio), Studenta Kartela Asocio (K. V.), Studenta Asocio « Unitas » (U. V.), Studenta Ligo « Hochland » (Alta Lando), Studentina Asocio, Neudeutschland-Aelterenbund, Studentaj Kongregacioj, Studenta Ligo R. k. d. B., Laborkomunumo de Junulinaj Ligoj, Germana Junulara Forto (D. J. K. por gimnastiko kaj sporto), Asocio por Virina Gimnastiko, Sudgermanaj Junulinaj Ligoj, Bavara Kamparana Junularo, Ligo de Laboristaj [illegible] snaborantaj Junulinoj, Jungkreuzbund (Junkruc-ligo).

En la Katolika Junularo de Germanujo ĉiuj tiuj ligoj estas samrajtaj. Prezidanto estas nun Msro Ludwig Wolker (Düsseldorf), vicprezidantoj estas Hubert Strauf (Essen) kaj Josefa Hüttenmeister (Velbert).

D-ro Wilhelm Solzbacher.

## La politika stato de Ĥinujo

*(Daŭrigo)*

triota alparolado de la prezidanto ; 5-e La kunsido finiĝas per kantado de l' nacia himno.

Por al ĉiu ŝtatano doni bonan ideon pri la tri fundamentaj punktoj, oni enkondukis en la instruadon de la unuaj klasoj de la elementa lernejo ĝis la universitato la novan lernfakon de Tridemismo. Per tiu koncentra metodo oni enfiltras rafinitmaniere al la junularo la alfabeton de ĥina ŝtatkompreno. Kaj la konsekvenco ? Ĥinujo vekiĝis en malmultaj jaroj al memkonscia nacio. Kiu ajn venku momente, ĉu Tsjang-Kaj-Tsjek aŭ ĉu Fung-Tsjang aŭ kiu ajn alia generalo, tiu ŝanĝas en tio neniom. En sia dezirego pasia, igi sian patrujon granda kaj potenca, kaj ĝin protekti kontraŭ la konkiremo kaj potencvolunto de fremduloj ; ĉiuj akordas kaj formas tre koheran fronton. Kiu volas kompreni nunan Ĥinujon, tiu pripensu bone jenon : malgraŭ ĉia interna malakordo kaj malprospero evoluiĝas en ĉi tiu plurmiljara regno fortoj, kiuj indikas tutan rejuniĝon de Ĥinujo. La nuna Ĥino estas, rilate al la estonto de sia patrujo, animata per sana optimismo. Sendube lin kortuŝas la katastrofoj, kiuj trafis siajn samgentanojn en la lastaj jaroj ; sed li rigardas ilin kiel la necesajn naskdolorojn de nova, glora estonto.

Sed kiel estas klarigebla la daŭrado de enlandaj ribeloj, de eternaj burĝmilitoj, de multaj rabistrotoj kaj la ekonomia malprospero de ĉi tiu lando, kiu tamen estas tiel riĉa, dum ja samtempe ege prosperas la eksteraj potenco kaj politiko de Ĥinujo ? Efektive oni montras per ĉi tiu demando la vundan lokon de la ĥina popolo. Ĉiufoje kiam depost la starigo de l' respubliko nova generalo komencis kontraŭbatali la jaman registaron, li jure asertis en siaj manifestoj, ke nur la neelporteblaj ĉagrenoj de l' popolo lin instingis preni la armilojn, por fine liberigi la patrujon de ribeluloj kaj perfiduloj. Per tiu honornomo li indikas tiam siajn militistajn konkurantojn. De Juan-Sji-Kaj (1912) ĝis Tsjang-Tso-Lin (1928) ĉiuj generaloj volis atingi saman celon : komenci punmilitiron kontraŭ la enlandaj malamikoj kaj ekspluateguloj de l' popolo.

Ses-, sepfoje iliaj trupoj iris de Nordo al Sudo, kaj ree de Sudo al Nordo, detruante kaj rabante ĉion, kion ili renkontis sur sia vojo. Sed la belaj promesoj restis nur sur papero.

Intertempe la vulgaruloj ĉiam malpliriĉiĝis. Malsato kaj infektaj malsanoj faris la ceteron. Kaj se unue la rabistrotoj estis nur kelkcentaj, ili nun kreskis ĝis kelkdekmiloj. La ĉefoj estas ordinare eksoficiroj, ŝtele forlasintaj la regnan armeon, deklarintaj sin memstaraj kaj militprenintaj iun provincon aŭ distrikton. La nombro de l' senlaboruloj en Ĥinujo estas netaksebla. El iliaj vicoj oni rekrutigas la armeojn ordinarajn, sed ankaŭ la rotojn de l' ribelaj generaloj, la *tufei*'ojn, t. e. vaguloj, rabistoj. Pri ĝustedira burĝmilito oni povas en Ĥinujo apenaŭ paroli, ĉar la ordinaraj kampuloj kaj civitanoj nepre evitas ĉian militajon : ili estas laŭnature pacamaj. Post la falo de la imperio nur Tsang-Kaj-Tsjek sukcesis, antaŭ du jaroj, igi sin rekoni iomete, kun la helpo de la « Popolpartio », fondita de Sun-Yat-Sen. Ĉu li povos sin firmteni, estas ankoraŭ necerte. La malriĉiĝo kaj mizero, kaŭzitaj de l' ĉiamdaŭraj malakordoj, intertempe kreskis tiagrade, ke preteriros longaj jaroj antaŭ ol Ĥinujo resaniĝos tute de tiuj vundoj.

Troe oni forgesas en eksterlando, ke Ĥinujo kun siaj 18 provincoj — ĉiu tiel granda kiel eŭropa ŝtato — havas amplekson de tuta Eŭropo. Milito en la Sudo tute ne koincidas kun milito en Nordo ; malsatego en Kan-su aŭ Sjen-si tute ne signifas, ke ankaŭ aliaj provincoj malsategas. Tamen estas laŭvera la aserto, ke apenaŭ estas indikebla provinco, distrikto aŭ eĉ urbo, kiuj en la lastaj jaroj ne estas trafitaj de egaj katastrofoj.

Lastvice la malregulaĵoj en Ĥinujo estas klarigeblaj sammaniere kiel en ĉiu lando, kiu spertis revolucion. La ŝanĝo de ŝtatformoj, precipe tiu de dinastio al respubliko, ĉiam iras kune kun balatoj inter partioj kaj kun disputegoj, ĝis fine el la ĥaoso aperas fortkarakterulo, kiu silentigas la pasiojn. Ĉu estonta Ĥinujo restos respubliko aŭ ree estiĝos monarĥio, ne estas facile antaŭdiri. Sed jeno estas certa : el la nuna disput- kaj militperiodo fine aperos nova, potenca kaj pacama Ĥinujo.

★

Kiel estas ĉe tiuj ŝanĝaj cirkonstancoj de la religio ? Kian opinion alprenas juna Ĥinujo pri la katolika Eklezio ? Kun la falo de la imperio (1911) sendube falis remparo de konservatismo kaj precipe de Kong-fu-tse-ismo. La Misio pro tio ekhavis novajn perspektivojn esperplenajn. Unu el la cirkonstancoj de la modernigo de Ĥinujo estas jam, ke oni hontas pro la kredo je la antikvaj dioj. Eĉ oni elpremis la idolojn el la temploj, forbrulante aŭ frakasante ilin. Kiu antaŭtempe kuraĝus ilin tuŝi eĉ per fingro ?

Ankaŭ Protestantismo perdis multon de sia antaŭa influo. Dum la militoj kaj bataloj de 1926-27 la senditoj enlandaj serĉis sendanĝerejon en la eŭropaj koncedejoj kaj havenurboj. Sed per tiu forkuro ili perdis ege sian prestiĝon, kaj malfacile estos al ili ĝin regajni. Tuj kiam venis pli trankvilaj tempoj, multaj el la senditoj reiris al la enlando, sed jam multe ŝanĝis la interrilatoj. Ĥinoj estis ilin anstataŭintaj kaj tute ne deziris ree cedi al ili. Rilate al gazetaro kaj lernejaro, la protestanta misiado sendube multe superas la katolikan, havante ja multe pli da kapitalo. Sed ĝia forto, precipe de l' misio amerika, estas tamen tro dispecigita kaj malfortigita pro la multnombro de la sektoj.

La katolika misio ĉi tie ree brile montris la avantaĝon de la unueco je kredo kaj de l' koherega organizo. Admirinde kontrastis la konduto de la katolikaj misiistoj, kiuj malgraŭ la minacanta danĝero ĉiuj restis sur siaj postenoj, kontraŭ la forkuro de l' protestantaj senditoj. Kaj meze de la ĝenerala ruino kaj ĥaoso nur la katolika Eklezio montriĝis apogpunkto neŝanceligebla, firma roko, rezista kontraŭ ondoj kaj ventegoj.

Ankaŭ la metodo de la katolikaj misiistoj, kiuj precipe celis la konverton de l' kamparanaro — metodo antaŭe multe kritikita de la protestantoj — estis pravigata per la faktoj kaj nun trovas plenan ŝaton en rondoj protestantaj.

Sed la influo de l' katolika Eklezio sur la publika vivo estas ĝis nun kvazaŭnula. Juna Ĥinujo ignoras la misiiston kaj lian religion, eĉ malhelpas lian misiagadon. Ĥinujo forprenis de li la rajton akiri propraĵon ; nur estas permesite farmi. Eĉ jama propraĵo estis deklarata nura farmaĵo. Ĝustedire ĉi tio estas formo de senpropraĵado. La misilernejoj estis indikataj kiel propagandiloj ; pro tio oni postulas rekonon de la Ŝtato aŭ minacas ilin fermi. La kondiĉoj por rekono estas tamen por la katolika misio preskaŭ neakcepteblaj ; ni estas pro tio minacataj per ega ŝanco, ke la lernejoj estos fermataj aŭ konfiskataj. Ni estas en la komenco de religia batalo. Dank' al Dio la misio estas preta frunti ĉiujn eventualaĵojn. Ĝustatempe Romo sendis (1922) apostolan delegaton, kiu direktas la ŝipeton de la ĥina Eklezio kun saĝa prudento kaj forta mano laŭlonge de l' rifoj. Lia unua laboro estis kunvoki nacian koncilion. Tiu okazis en Ŝanghai (majo 1924) kaj brile sukcesis. Ĝi malfermis por la ĥina misio novan periodon. Laŭeble la metodo estis plisimpligata kaj estis metataj fundamentoj por taŭga kuna agado. En la jaro 1926 okazis en Romo la episkopigo de ses eminentaj ĥinaj presbiteroj. Kaj ekestis multaj novaj misiregionoj, kiuj estis konfidataj ne nur al diversaj eŭropaj ordenoj kaj kongregacioj, sed ankaŭ al ĥinaj neordenaj presbiteroj. Tiel sin pretigis la katolika Eklezio al la granda fiŝkaptado, kiu ŝajnas baldaŭ okazi, malgraŭ la malfacilaĵoj, en kiuj ĝi estas nun.

Rilate al klerigado pri katolika religio estas multego ankoraŭ farota ; altmontoj de antaŭjuĝoj estas malaperigotaj. Ŝajnas al mi, ke la scienca misiagado estas nun la plej urĝa. Kiu malfermos al juna Ĥinujo la okulojn, por ke ĝi vidu, kie estas trovebla la vera savo ? Memsekve la misiisto ne rajtas forlasi sian ĝisnunan agadon en la kamparanaj rondoj ; sed ŝajnas, ke en la nuna tempo pli urĝas kaj estas agado inter la intelektuloj. Kiu prenu sur sin tiun taskon ? La scienculoj, apologetoj, sociologoj, ekonomoj, pedagogoj.

Al la ordinara popolo oni jam de longe predikis la devon de misiagado. Sed ĉu la katolikaj scienculoj kaj profesoroj ne havas sam- aŭ pligrade la devon, progresigi laŭeble la grandan, dian kulturtaskon de l' disvastigo de l' kredo ? Admirinde la diversaj unuiĝoj en Eŭropo plenumas sian taskon, kolektante multon da mono por la misioj ; laŭdinda estas la fervoro de studentoj, kiuj aniĝas al akademiaj misiskluboj kaj pristudas la multspecajn misiproblemojn. Sed ankaŭ la scienculoj kaj profesoroj montru interesiĝon. Ilia helpo estas nepre necesega por fekunda evoluo de l' misilaboro en Orientlando ; ili prenu sur sin la solvon de l' gravaj modernaj problemoj, kiuj estiĝis super la spiritnivelon de la ordinara misiisto ĉe la batalfronto. Speciale tio rilatas Ĥinujon. Tiu sennombra popolo, kiu eniras hezite en novajn irejojn, serĉas novajn vojojn, havas urĝan bezonon je sendanĝeraj direktlinioj por sia nova spiritvivo. La opinioj pri nacianismo, demokratio kaj socialismo, estas korektotaj. Ĥinujo bezonas homojn, kiuj helpas la misiiston sur la moderne scienca kampo, kiuj apostoladas per siaj talentoj inter la rondoj de la ĥinaj intelektuloj, altranguloj kaj scienculoj, al kiuj la ordinara misiisto ne estas allasata.

Plie nia speciala interesiĝo estu ankaŭ al la ĥina junulara studanta en Eŭropo. Multaj el tiuj studentoj havas grandajn malhelpojn, ne sole financajn, sed ankaŭ studrilatajn. Post kelkaj jaroj tiuj studentoj reiros al Ĥinujo kaj tie donos direkton al la historio de sia lando. La impresoj, ideoj kaj principoj, de ili ricevitaj dum la estado en niaj urbegoj kaj universitatoj, restas, kaj decidas por ilia tuta vivo, kiun vidpunkton ili havos pri Eŭropo kaj ĝia religio. Jam oni asertis, ke la demando, ĉu Ĥinujo estos en la estonto kristana aŭ idolana, estos solvata ne en Orient-, sed en Okcidentlando. Nu, la faktoj de la historio ŝajnas pravigi tiun opinion.

Fine, en la vivo de l' popoloj la ĉefa rolo estas ludata ne de politikaj, ekonomiaj aŭ socialaj problemoj, sed de la religia demando. En Rusujo tio estas jam klarvidebla. La evoluiĝo de Ĥinujo iras sammaniere. Ĉiuj aliaj demandoj ege rilatas al tiu ĉi problemo. La multnombraj klopodoj en la historio, solvi la problemon kulturan sen la problemo religia, ĉiufoje donis rezultaton fiaskan. Ankaŭ juna Ĥinujo klopodas ĝis nun resanigi, aŭ — pli ĝustedire — renovigi sian ŝtatorganizon per rimedoj, kiuj nur akcelas ĝian ruiniĝon. Feliĉe multaj personoj komencas tion ekvidi ; kaj ilia nombro kreskas ĉiutage.

Malrapida sed celkonscia estas la kurso, kiun Romo rekomendis al siaj misiistoj. Gravas, ke la tuta misiistaro laŭkondutu obee kaj ĝojkore la ordonojn, ne lasante sin devojigi per malhelpoj kaj kontraŭaĵoj. Ŝajnas ke baldaŭ la ĥina popolo eniros grandare tra la pordegoj de la vera Eklezio. Tiu konsolplena antaŭvido nin instigu, daŭre apogi la ĥinan mision per la rimedoj, kiuj estas en nia povo. Verdire povas esti, ke en la plej proksima estonto la ĥina Eklezio trafos iom en subpremon, ke ĝi trairos mallongan periodon de batalo kaj gravaj malfacilaĵoj, sed tio ne malpliigu nian optimismon.

*Trad.* Frato Floriano.

## Plifortigita batalo kontraŭ la religio en 1931

### Armado de la Sendiuloj

Je la fino de decembro 1930 T. U. raportas el Moskvo (trans Kaunas) jenon.

En la batalo de la bolŝevista ideologio kontraŭ la « burĝa » civilizacio de la Okcidento iu momento ludas precipan rolon: *La batalo de la sendiulaj ligoj kontraŭ ĉia ekleziaĵo kaj religiaĵo.* En Eŭropo kaj Germanujo oni ŝajnis tion jam preskaŭ esti forgesinta, kiam la en novembro 1930 publikigita plano, fondi « Internacion de la sendiuloj » kaj ties sidejon translokigi al Berlino, denove ekaŭskultigis. La batalo de Moskvo kontraŭ la Kristnaskfestoj kaj kontraŭ ĉiuj Kristnaskaj tradiciaĵoj same kiel la eksperimentoj, ankaŭ en Germanlando maltrankviligi la tagojn de la paco per komunistaj « malsato-demonstracioj » plue atentigis.

Fakte la unuaj intertraktadoj de la sendiulaj ligoj kun eksterlandaj liberpensulaj organizaĵoj *jam en la jaro 1929* okaze de la unua renkonto kun la liberpensuloj de Germanujo, Francujo, Italujo kaj Aŭstrujo en Moskvo estis preluditaj. La patro de l' penso de « Sendiul-Internacio » estas la sekretario de la sendiulaj ligoj: Lukaŝeviĉ. Jam antaŭ unu jaro Lukaŝeviĉ ne ricevis plu la permeson envojaĝi Germanujon. Rusaflanke tiutempe oni konstatis, ke en Moskvo jam ĉiuj komunistaj Internacioj havas sian sidejon kaj ke la prezidanteco de la intencita « Internacio de la sendiuloj » devas esti lokata ekster la limoj de Sovetujo, ĉar alie la sovetrusa Unuiĝo estus troege ŝarĝata per la kontraŭreligia propagando en la burĝaj kulturŝtatoj. La ĉeflaboron de la propagando en la burĝaj landoj faru la komunistaj partioj kaj la al ili sin anigintaj organizaĵoj.

Dume oni sekvis la ideon pri « Internacio de la sendiuloj ». La tendencoj de la nova Internacio estas jenaj:

1. Unuigo de la tuta kontraŭreligia mondmovado en la manoj de ĉeforgano.
2. Organizo de metoda militiro ne nur kontraŭ ĉiuj religiaj kultoj, sed ankaŭ kontraŭ unuopaj religiaj sektoj.
3. Ekkapto de la senlaboruloj tiel, ke ili prefere progresigas la eksiĝon el la eklezioj el ĉiuj konfesioj, i. a. aludante la altajn impostojn.
4. Kontraŭreligia propagando inter la infanoj kaj duonkreskuloj. Por tio estu establotaj kontraŭreligiaj ĉeloj en la popolaj kaj pliperfektigaj lernejoj.
5. Organizado de prelegoj, kunsidoj; eldono de libroj, broŝuroj kaj filmoj.
6. Kontraŭreligia propagando per radiostacioj. (Komence estas konsiderinda la stacio de la radio-sendilo en Moskvo.)
7. Eldono de semajna organo en germana, franca, angla kaj esperanta lingvoj.

*La organizaĵo de la sendiula Internacio* estas pensata jenmaniere: la sovetaj organizaĵoj elektas po unu riprezentanto por 100.000 personoj, la eŭropaj po unu riprezentanto por 1.000 personoj. Ĉar publika organizaĵo en Germanlando renkontus malfacilaĵojn, ĝi tie montru sin en vualita formo, eble en la formo de registrita unuiĝo. La rusaj organizaĵoj kiel la laŭmaterie plej ampleksaj prenu sur sin la plej grandan parton de la elspezoj. La financstato de la sendiul-ligoj en Ruslando estas tre netravidebla, ĉar la membrokotizoj apenaŭ ludas rolon. En jaro 1929 la ligoj elspezis *7,5 milionoj da rubloj*; la financaj statoj por 1930 kaj 1931 estos eĉ multe pli altaj.

Lastatempe ankaŭ la *scienco* pliplene faru servon al la kontraŭreligia propagando. La 11 decembro 1930 en la Moskva komunista akademio okazis konferenco de ĉiuj kontraŭreligiaj organizaĵoj de la Sovetujo, en kiu ankaŭ partoprenis riprezentantoj de sciencaj organizaĵoj. La kunsidantoj rezoluciis, eldoni *Enciklopedion de la Marksista ateismo* en pluraj lingvoj. Plue estu organizataj kontraŭreligiaj ekspozicioj, kiuj precipe aspiru la amasojn. Cetere en ĉi tiu konferenco estis priparolita *la rolo de l' filmo por batali la religion.* Por la jaro 1931 estis intencata aparta produktprogramo, laŭ kiu estas aranĝataj dukdu filmoj, el kiuj la plej granda parto sin direktas kontraŭ la katolika kaj evangelia eklezioj, pli malgranda parto kontraŭ la juda kaj mahometana religioj. Oni volas provi, kelkajn el ĉi tiuj filmoj por uzado per la liberpensulaj ligoj enirigi en la eksterlandon.

La kontraŭreligia propagando en Sovetruslando mem intertempe estas daŭre praktikata. La sovetrusa organizaĵo estas gvidata de Jaroslawski, kiu samtempe estas membro de la centra komitato kaj de la centra kontrolkomisio de la komunista partio de Sovetujo. Supozeble estas konate, ke per ties funkciado ankaŭ estis forvokita la ambasadorino Sinjorino Kolontai, kiu en sia vivmaniero fariĝis tro « luksa kaj burĝa ».

La sendiuloj de Sovetruslando starigis sian propran « kvinjar-planon », laŭ kiu *ĉiuj preĝejoj de Sovetujo ĝis la 1 januaro 1934 devas esti fermitaj.* Por la instruado en la kontraŭreligia propagando funkcias en Sovetujo 18 akademioj. Tiaj akademioj ekzistas sole en Leningrad du, kaj en Moskvo tri; ili estas subtenataj per monrimedoj de la lokobudĝeto. Krom la propagando sur la kamparo oni havigas preferan atenton al *la kontraŭ religia edukado en la armeo kaj maristaro.* En la armeon kaj maristaron dum jaro 1930 estis senditaj, nete dirite, 10.000 kontraŭreligiaj instrukciantoj. La bilanco de la lastaj tri jaroj elmontras ankaŭ jam *14.000 fermitajn preĝejojn.*

*La lastaj instrukcioj de la centrejo diras, ke posteulaj pastroj kaj sacerdotoj ne plu estu allasotaj.*

Spite de la propagando, ankoraŭ en 1929, en Sovetujo estis establitaj 88 sanktejoj de diversaj konfesioj, kiuj nur per subvencioj de laboristoj kaj kampuloj estis konstruitaj. Sed *la Sovetregistaro nun preparas dekreton, laŭ kiu la konstruo de preĝejoj eĉ per libervolaj monrimedoj estos malpermesata. Plue al la komitato de la centra plenuma potenco estis prezentata dokumento por subskribo, laŭ kiu la religia instruado estu kondamnenda al dujara kaptiteco kaj ekzilo.*

En jaro 1931 oni okazigos konferencon de la internaciaj liberpensulaj ligoj aŭ en Germanujo aŭ en Aŭstrujo.

Jos. Lintl.

## LETERO EL BELGUJO

### Katolika Agado

Tiu ĉi movado estas jam tre prospera tie ĉi, precipe ĉe la junularo; ni ekvidis tion denove dum la unua landa estrarkunveno de la Junulinaro por Katolika Agado en Meĥleno. Tiu ĉi ligo havas proksimume 50.000 anojn kaj grupas la sekvontajn sekciojn: la laboristajn, la burĝajn, la studantajn kaj la kamparanajn junulinojn, kaj aliajn plu. Lia Kardinala Moŝto Van Roey diris i. a. dum la kunveno: « La tempoj estas malfacilaj, la moderna mondo dissemas ĉie la malbonon sed en multaj lokoj ni fiere vidas prosperi via belega movado; ni bezonas kuraĝon kaj konfidon je la estonteco. Vi devas resti optimistaj. En nia lando, la misioj ege prosperas kaj kolektas gravajn sumojn, sed via movado devas esti enlanda misio. »



La nova universitata biblioteko en Loveno

### Generalo Bernheim

La sama Kardinala Moŝto Van Roey publikigis la sekvontan proteston kontraŭ « objekto de publika skandalo » nome la cindrigo de la belga generalo Bernheim:

« Kiel ĉefepiskopo de Belgujo ni estas devigata malkaŝe sciigi nian opinion pri la naciaj enterigaj ceremonioj okazantaj al la cindro de generalo Bernheim.

» Ni honoras la bravan soldaton, la famkonatan generalon, kiu partoprenis grave en la venko kaj liberigo de la Patrujo. Estas juste ke la lando okaze de lia morto, esprimas sian admiron kaj sian lojalan dankon.

» Sed ĉi tiu nacia ceremonio povus kaj devus esti organizita tiel ke ĝi respondu al la unuanimaj sentoj kaj respektu la landajn tradiciojn. Ni bedaŭras ke tio ne okazis.

» Intencita kiel funebran honoron al la cindro de forbruliĝita korpo, ĝi estas provoko al la katolika konscienco, kiu malaprobas la cendrigon; ĝi atencas kontraŭ la jarmilaj kutimoj de la belga popolo, kiu ĉiam respektplene estis enteriganta siajn mortintojn; ĝi estas kontraŭa al la normala saĝo, ĉar funebraj ceremonioj eĉ ne plu estas imageblaj post la detruo de la korpo per bruligo.

» Ne estas nek eble nek tolereble, ke oni diru, ke la belga popolo aprobas tiun nekonvenan demontradon. »

Verŝajne tiu protesto nenie aperis en la internacia gazetaro? La katolikaj parlamentanoj ne voĉdonis por la speciala kredito sed, tolereme, ili ne malpermesis la oficialan funebran ceremonion per nea voĉdono. La flandraj naciistoj rifuzis eĉ oficialan enterigon, ĉar ili malamas la generalon, kiu, dum la milito multe suferigis siajn flandremajn subulojn.

### Fi-libroj

La konferenco de la urbestroj de la Brusela ĉirkaŭaĵoj kaj poste ankaŭ la administracio de la stacidomaj bibliotekoj malpermesis la vendon de t. n. « policaj gazetoj » (priskribantaj mortigojn, krimojn aŭ samajn aferojn), tiel aŭskultante la ĝeneralan kaj ripetitan proteston de ĉiuj honestaj burĝoj kaj precipe de la katolikoj.

### Nia Katolika Universitato

Okaze de sia elekto por la ofico de Vic-Rektoro ĉe la Katolika Universitato de Loveno (Louvain), Lia Kanonika Moŝto Cruysbergh faris paroladon antaŭ la mikrofono de la flandralingva nacia radio-instituto, el kiu ni ĉerpas sekvontajn ideojn:

Tiu, kiu ne vidis proksime universitato — kaj precipe universitaton kiel la nian en Loveno, kun ĝiaj 3.720 gestudentoj kaj ĝiaj 180 profesoroj, lektoroj kaj docentoj — malfacile al si imagos la intensan intelektan vivon, kiu tie ekzistas kaj agadas. Eĉ la studentoj mem, kies plimulto ankoraŭ estas knaboj aŭ junuloj al kiuj mankas la necesa profundeco por bone prijuĝi kaj laŭmerite taksi ĉion, kio ĉirkaŭas ilin en la universitata vivo. Nu, ja, fakto estas, ke la sento por humoro kaj kritiko ordinare maturiĝas multe pli frue ol la kvieta kaj malvarmsanga konscio de la valoro de la objektoj. Kaj sendube tio estas plej bone!

Sed ĉiu — eĉ ne havante senperajn rilatojn kun la universitata vivo — devas konvinkiĝi ke la katolika universitato havas netakseblan grandan signifon rilate al la religia vivo. Neniu malpli ol Nia Sankta-Patro, Papo Pio XI-a, memorigis tion lasttempe per lia encikliko pritraktanta la instruadon.

La supera instruado, ankaŭ en la profanaj fakoj, sufiĉe tuŝas multflanke al la religia kaj morala vivo, por pravigi la zorga intereso de la Eklezio. Kaj Ĝi postulas, kiel sanktan rajton, la eblecon por doni tian instruadon, kronanta sia edukan verkon inter la popoloj.

Ĉar Ĝi timas la neŭtralan lernejon — ankaŭ universitaton. La senkrucaj kaj sendiaj aŭditoroj povas esti laŭ la scienca rilato kia ajn, sed tiom estas certa ke generacio, edukita en neŭtrala mezo, ne konservas la nedifektitan purecon de la katolikaj ideoj kaj vivo. Religio tie estas praktike afero privata, la kontakto kun la senreligieco okazas facile kaj eĉ ofte iĝas tre intima, ĉar la « homa respekto » (hontiganta la nekuraĝajn katolikojn en la plenumo de ilia religia devo) regas kiel despoto.

Sed ankaŭ por la popolo la supera instruado havas vivigantan gravecon. La « Alma Mater » devas plenumi socialan mision. Ĝi ja estas la domo de la scienco pura kaj neprofitema, sed krome la formlernejo de altstarantaj profesiistoj, kiuj ĉiutage utiligos sian sciadon por la bono de sia popolo.

L. Calloens.

## El Trinidad-insulo

La unua jarkunveno de la Katolika Unuiĝo Socia en Trinidad-insulo okazis, la 29 januaro 1931, kiun multaj personoj ĉeestis. Dum la unua jaro aliĝis pli ol 1.000 membroj. Tio estas multe por insulo kiel Trinidnd, sed pli multaj aliĝos, ĉar ĉiu bone pensanta katoliko sentas la bezonon de tia unuiĝo. La kontraŭuloj de la vera Eklezio agadas ankaŭ tie-ĉi kaŝe kaj malkaŝe kontraŭ la katolikoj.

La urĝa neceso defendi la kredon kunigis kelkajn laikulojn de la insulo kune kun iuj el la pastraro, por starigi unuiĝon, por ke la bonstato de la katolika komunumo estu gardata.

La celoj de la Unuiĝo estas jenaj:

*a*) Ebligi al la katolikoj realigi iliajn devojn, kiel kristanaj civitanoj.

*b*) Disvastigi la scion de la katolikaj doktrinoj kaj principoj.

*c*) Defendi la katolikan Eklezion kaj fortigi katolikan influon en aferoj de publika bonstato.

*d*) Kunigi ĉiujn katolikojn en kristana frateco.

Dum 1930 la Unuiĝo aranĝis serion da paroladoj kun lumbildoj pri katolika vivo: oni disdonis 14.000 broŝurojn pri la katolika doktrino. Libreto, titolita: « Pio XI-a, la Papo de la katolika agado », verkita de la fondinto de la Unuiĝo, Kapitano C. C. Longridge, estas grandnombre disvastigita inter la loĝantaro de nia insulo. Ekzemplero de tiu-ĉi libreto estis sendita al Lia Papa Moŝto, kaj la aŭtoro ricevis la Papan Benon. La juna Unuiĝo provizis al dek-sep unugradaj lernejoj po 100 libretoj por geknaboj. Oni ankaŭ organizis la laboron de la Apostolado de la Maro, kaj nun kune kun la Societo Sankta-Vincento de Paŭlo oni provizas semajne al tri vaporŝipkompanioj literaturon por la ŝipanaro.

Lia Ĉefepiskopa Moŝto de Trinidad donis sian aprobon kaj benon al la Unuiĝo kaj afable konsentis esti la protektanto.

Dom Wilfrid Broens, O. S. B.

## El Annam-lando

La urbo Hanoi estos baldaŭ katolika centrejo tre grava. Ĝis nun ĝi sin montris kiel vera ĉefloko de misio: 5.000 francaj katolikoj loĝis tie. Nuntempe la Annam-anaj katolikoj estas preskaŭ tiel nombraj. La loĝantaro sume kalkulas 150.000 homojn. Ĉiumatene la sankta meso estas celebrata en dek preĝejoj aŭ kapeloj. Hanoi havas katolikan ĵurnalon franclingvan *L'Avenir*, kies eldonkvanto egalsumas tiuj de la aliaj Tonkinaj gazetoj, kaj ĵurnalon en indiĝena lingvo *Tung-Hod*. La kvar katolikaj lernejoj instruas mil geknabojn. Kaj ekzistas multaj verkoj katolikaj, kiel Junulara Rondo, Skolta trupo, Studenta societo, ktp. *(Agentejo « Fides ».)*

## El malantaŭ la ruĝa limo

### Negrandaj rezultoj de la sendiula agado en Sovetrusujo

Malgraŭ la granda, brua kaj tre multekosta kontraŭ-religia propagando flanke de la « sendiuloj » en Sovetrusujo, la rezultoj estas malgrandaj. Estas ja vere, ke oni fermis la preĝejojn, senigis la pastraron de iliaj plej principaj rajtoj, persekutas la religion en ĉiuj ĝiaj aperoj, sed tamen — kion konfesas la oficiala organo de la sendiuloj — el 150 milionoj da loĝantoj apenaŭ 3,5 milionoj da personoj apartenas al la unuiĝo kiel « militantaj » anoj kaj proksimume 10 milionoj kiel « simpatiantoj ». Cetere, ankaŭ ĉi-lastaj anoj montras tre malgrandan interesiĝon. Okazas oftege, ke al la kunveno de rondo sendiula venas nur la gvidanto kaj sekretario. Tiel nuntempe oni decidis plifortigi la propagandon pere de radio kaj tiucele oni organizas specialan fakon. Ŝajnas tamen, ke ankaŭ ĉi-foje ili sukcesos fari nemulte, ĉar estas ja fakto, ke la loĝantaro nutras hodiaŭ per siaj propraj tre malmultaj nutrajporcioj memvole la tutan pastraron de Rusujo. Alia ekzemplo pri la maltrafinta kontraŭ-religia agado estas informo de iu pastro el Petersburg, laŭ kiu la nombro de ekleziaj edziĝoj, baptoj kaj enterigoj estas kreskanta konstante.

### La dimanĉo en Sovetrusujo estas definitive nuligita

La gazeto *Pravda* publikigas, ke rilate al la enkonduko en Sovetrusujo de 5-taga laborsemajno, ankaŭ en tiuj sferoj de la socia vivo, kie ĝis nun ĝi ne estis uzita, definitive estas forigita « la lasta postsigno de religio ». Tielmaniere la loĝantaro estas konvinkiĝonta, ke la « sendiuloj » zorgas pri ĝi plimulte ol la religio, ĉar ili donas ripozon ne ĉiun sepan, sed ĉiun sesan tagon . . .

### Kontraŭreligia agitado inter la en Sovetrusujo laborantaj eksterlandaj laboristoj

La *Krasnaja Gazieta* (Ruĝa Gazeto) sciigas, ke dum la Kristnasko-festoj estis arangitaj en Leningrad aro da amuzaj vesperoj, kies celo estis kontraŭreligia propagando inter la eksterlandaj specialistoj kaj laboristoj laborantaj en la fabrikoj de Leningrad. Tiuj-ĉi amuzaj vesperoj estis preparitaj de la komunista junularo kun la celo « firmigi la ligilojn inter la kontraŭreligiaj laboristoj ruskaj eksterlandaj ».

### Eksporto de kadavroj

Rilate al la manko de kadavroj por anatomiaj studoj en la medicinaj fakultatoj kaj pro la malfavoro de judaj komunumoj havigi al la prosektorioj kadavrojn en procenta nombro de la judaj universitataj aŭskultantoj, la judaj gazetoj publikigas sciigon pri amasa eksporto de kadavraj preparajoj el Sovetrusujo.

« En la nunaj tempoj, skribas la juda *Nasz Przeglad* (Nia Revuo) el Warszawa, al Anglujo, Ameriko, Kanado kaj aliaj protestantaj landoj, kie la kulto de mortintoj estas tre disvastigita, oni komencis importadi kadavrojn el Sovetrusujo. Ekzistas tie eĉ speciala oficejo, kiu okupiĝas per havigo de kadavroj al eksterlandaj prosektorioj. La oficejo disponas per kadavroj de diversaj tipo kaj aĝo. En sia morala kaj materiala mizero savas sin la bolŝevistaj komisaroj, senigitaj de iuj ajn skrupuloj, ankoraŭ pere de tiela eksporto. Estas certe, ke la aŭtoritatoj de niaj universitatoj ne partoprenos en tiom aĉa profesio.

### Komunismo en la proksima Oriento

Eble nenie alie trovas la komunista propagando tiom konvenan por si terenon kiel en la proksima Oriento. Ĝi estas tie tre bone organizita kaj dependas nur de speciala komitato de la Kominterno, kiu subtenas ĝin finance pere de Berlin kaj Konstantinopolo. Ekstere ĝi montriĝas tie kiel socia krucmilitiro kontraŭ la kapitalismo kaj imperialismo de la koloniaj ŝtatoj. Pro tio estas pli ol kompreneble, ke la popoloj de Azio kaj Afriko, inter kiuj komenciĝas vekiĝi klopodoj al nacia sendependeco, akceptas la novan evangelion de Moskvo kun entuziasmo. Nuntempe la komunista propagando plifortigis ankoraŭ sian agadon. Kiel centroj, el kiuj oni direktas la bolŝevan agitadon, estas elektitaj : Teheran, Bagdad, Bejrut, Jerusalemo kaj Kairo. Ĉiuokaze la tieaj registaraj aŭtoritatoj ne restas senfaraj. Sed tamen, la komunista danĝero en la proksima Oriento vekas konstante gravajn maltrankvilojn.

## NOVAĴOJ EL AŬSTRUJO

■ En la financa estraro de la parlamento oni faris, la 29 januaro, denove la dum la buĝetdebato jam tradician proponon je reformo de la edzeca juro. Sed dum ĝi estis en pli fruaj jaroj estis akceptita per la voĉoj de la socialdemokratoj kaj de la liberalaj burĝaj partioj, oni nunjare ĝin rifuzis per la voĉoj de la kristansocia partio, de « Landbund » kaj de « Heimatblock ». La kristansociaj deputitoj Manhalter kaj Doppler klare montris la vidpunkton de la katolikoj. Deputito Doppler i. a. diris : « Por ni la edzeco estas io alia ol civila kontrakto, por ni ĝi estas sakramento kaj sekve ni vidas ĉi tiun materion de tute alia vidpunkto. La vere kredanta katoliko vidas en ĉi tiu demando principon kaj li pro tio ne povas fari koncesiojn. Ni treege bedaŭras, ke sur ĉi tiu kampo estiĝas ĉiam pli granda konfuzo, sed tio ne povas estigi, ke oni forlasas principajn vidpunktojn. Ĝi nur estos ebla se la kompetentaj faktoroj montras vojon, kiun oni povas iri kiel pozitiva katoliko kun bona konscienco. » Justecministro D-ro Schürff (membro de la liberala grandgermana partio) montris al la ekzemplo de Italujo, ke oni povas solvi ĉi tiun demandon ankaŭ en interkonsento kun la papa kurio kaj deziras, ke oni baldaŭ eklaboru, ankaŭ en Aŭstrujo, tiudirekten. Tio montras, ke la liberaluloj jam ne plu timas la vorton konkordato, kiel ankoraŭ antaŭ tre mallonga tempo. Ankaŭ la parolanto de « Landbund » (liberala partio de la kamparanoj), deputito Dewaty, deklaris : « Por mi ĉi tiu demando ne estas pure politika, sed ĝi estas demando de la konvinko. Ni venus en konflikton de la konscienco, se oni volus solvi ĝin politike kaj perforte. Jam la ministro aludis la ekzemplon de Italujo, kie ekzistas interkonsento inter Eklezio kaj Ŝtato. Ni diras la samon. Ni volas interkonsente kun la ekleziaj oficejoj solvi ĉi tiun demandon. » Deputito D-ro Eisler (socialdemokrato) deklaras, ke la socialdemokratoj neniam volis la demandon de la edzeca reformo solvi per kulturbatalo kaj postulas, ke la parlamento serĉu praktike uzeblan rimedon por venki en ĉi tiu demando la malvivan punkton. El ĉiuj paroladoj oni povis konstati, ke ĉiuj liberalaj partioj jam tre mildigis siajn iam radikalajn vidpunktojn kontraŭ la nuna edzeca juro en Aŭstrujo. Sed estas strange, ke ĝuste la judoj, kiujn tute ne tuŝas la katolika edzeca juro, plej forte kaj akre kontraŭbatalas ĝin.

■ La monaĥejo Klosterneuburg intencas konstruigi sur siaj grundoj en Döbling kaj Floridsdorf loĝejkonstruaĵojn. Pri la konstruaĵo en Floridsdorf oni aŭdas ke ĝi enhavos en tri etaĝoj 130 loĝejojn. Vere sociala faro ! !

■ En la Naturhistoria Muzeo en Wien oni starigis du vitrajn kestojn, en kiuj estas videblaj la ekonomia- kaj familia vivo de la estingiĝontaj fajrolandanoj. La altvalorajn objektojn, kiuj montras popolojn ankoraŭ restintaj en la ŝtonepoko, kolektis dum siaj esplorvojaĝoj la etnologoj D-ro Martin Gusinde kaj D-ro Wilhem Koppers, ordenanoj de la Societo de la Dia Verbo en St.-Gabriel, ĉe Mödling, en Malsupra Aŭstrio.

■ Ĉe la buĝetĉapitroj « Kulto, Instruado, Arto kaj Ligoteatroj » en la financestraro de la parlamento la socialista deputito Winternigg kritike priparolis la stoltaksojn kaj la nombron de la pastraro, kaj la juran situacion de la katolika universitato en Salzburg. Winternigg, kiu malkaŝe elparolis, ke sia partio ĉiam restas je la vidpunkto de disigo de Eklezio kaj Ŝtato, proponis pli bone uzi la en la buĝeto montritan pluelspezon da 1.3 milionoj ŝilingoj por provincaj teatroj, estantaj en malfavoraj ekonomiaj cirkonstancoj. Ministro por instruaferoj klarigis, ke la plielspezoj nur devas esti rekondukataj je « aŭtomate pliiĝantaj personaj elspezoj por la pastraro ». La Kongrua-kompletigon ricevas en Aŭstrujo 4.398 animzorgantaj pastroj (1.871 kaplanpostenoj, 2.474 paroĥestroj, 53 dotoj por kanonikoj). Deputito atentigis, ke la komunumo Wien ja povas nuligi la plezurimposton por la teatroj. Deputito Kern montris la grandan ekonomian mizeron de la abatejoj, trafitaj per la inflacio kaj la mizera stato de la kampkulturo. La ŝarĝoj de la riparado de la konstruaĵoj kaj la devoj de la patronado ne plu povas esti portataj, ekz. de la abatejoj Reichersberg kaj Mattsee.

■ En la urba parlamento en Wien, ties membro S-ino instruistino Maria Schlösinger priskribis la cirkonstancojn en la Vienaj urbaj lernejoj kaj la « sukcesoj » de la Glöckel-a lernejreformo kaj montras la kaŭzojn de la malsukceso. 1. La Viena lernejreformo aranĝis nian lernejon nur laŭ la ekstera aspekto. 2. La Viena lernejreformo la lernejon liveris al la socialdemokrata partipolitiko. 3. La Viena lernejo multon suferas sub la premego de la financpolitiko de Breitner. (La « fama » financreferanto de la urbego Wien).

Kun granda faka sperto kaj multa pruvmaterialo la parolantino motivas siajn asertojn kaj finas per la vortoj : « Tial mi vokas al vi : Lasu la lernejon ree fariĝi lernejon. Redonu al la instruistoj ree la liberecon, antaŭ ĉio ree la metodan liberecon. Liberigu la lernejon de la partipolitiko, alie niaj Vienaj infanoj iam devus priplendi, ke ili vizitis ĉi tiun lernejon ! »

■ La riprezentantoj de la katolikaj studentunuiĝoj de la aŭstraj universitaturboj Wien, Innsbruck, Graz kaj Salzburg decidis fondi, se ankaŭ nur malfirman ligon en la formo de la *« Katolika germana universitatstudentaro de Aŭstrujo »*.

■ *Novajn propagandcelojn kaj -metodojn de la aŭstraj liberpensuloj* priparolis antaŭ nelonge P. Zyrill Fischer, O. F. M., en la viena *Reichspost*. La aŭstra proletara liberpensula movado restis en la raportjaro 1929 staranta laŭnombre ; ĝi suferis malkreskon da membroj de ĉ. 1.600 kaj nombras nun en 322 lokaj grupoj ĉirkaŭ 42.000 membrojn. Al grandaj propagandagadoj ne pensas la liberpensuloj antaŭ ĉio pro manko de mono, kaŭzita per la ekonomia mizero de la proletaro en Aŭstrujo. Sed oni turnos grandan atenton al la estanta agado : « Kiu devas vivteni la preĝejojn kaj paroĥejojn ? », por kiu prepariĝis aparta broŝuro. Ĝia celo estas miskreditigi la pagojn de la ŝtato al la Eklezio ĉe la loĝantaro. Aliaj klopodadoj de la aŭstraj liberpensuloj celos per laŭcela laboro gajni la 170.000 senkonfesiulojn, kiu ne aliĝis al la organizita liberpensularo ; sed la ĝis nun akiritaj sukcesoj estas tre malgrandaj. La varblaboro estas estonte intencata pli en la direkto de jenaj agitvortoj : « Reagado al la ofendita prudento », « Tenado de la Eklezio al instruoj, kiuj ne plu estas valoraj », « Ofendita morala sentado », « Konservado de la naskdevigo, de la klerikala edzeca juro », « Interligado de la Eklezio kun la politikaj malamikoj de la proletaro », la lasta per precipa utiligado de tagokazintaĵoj, kiuj precipe ekscitiĝas la proletaron, ekzemple kunpuŝiĝoj kun politikaj kontraŭuloj, ne plaĉantaj tribunaljuĝoj, ktp. La « liberpensula apostolado » estos elkonstruota antaŭ ĉio al la psikologia flanko ; la pensmaniero de la anaro estos fortigita per tio, ke oni kun pli granda energio ol ĝis nun forigas el la liberpensula vivo la « klerikalan rubon ». Tiel volas forigi la liberpensulaj agitantoj la « spalirstaradon ĉe ekleziaj procesioj », ĉe « benadoj kaj geedzaj ceremonioj », ĉar oni konjektas en ĝi restojn de religiaj animstatoj kaj ne nur scivolemon. Ankaŭ la uzado de religiaj nomoj, nomtagfestoj, bildoj de Sanktuloj kaj religia ornamoj kompreneble estas malpermesataj kaj devas esti forigataj el la liberpensula vivo. Por forigi la danĝeran sekecon de la liberpensulaj kunvenoj oni pli atente zorgos pri liberpensula « festkulturo » kiel surogato por la simpatiaj ekleziaj solenaĵoj.

■ Kardinalo Piffl publikigis alvokon al fervora laborado por la anime kaj morale endanĝerita junularo en kiu li i. a. skribas : « Kie ne jam estas sufiĉe zorgata por la infanoj, ne jam lernantoj kaj lernantoj, tie ĝi okazu eble plej baldaŭ per fondo de lokaj grupoj de la *« Gaja Infaneco »*. Kie la paroĥa pastraro, pro aliaj laboroj tro ŝarĝita, ne mem povas plenumi ĉi tiun taskon, tie transprenu katolika laikuloj la gvidadon kaj laboron en la « Gaja Infaneco » kiel urĝa verko de sia laika apostolado. Ni devas klopodadi, ke baldaŭ ne ekzistas eĉ unu paroĥo en nia ĉefeparĥio, en kiu malriĉaj infanoj ne estas prizorgataj per loka grupo de la « Gaja Infaneco ».

■ En referato pri « La luktado pro la infano » atentigis P. Zyrill Fischer, O. F. M., i. a. al la de Msro Mörzinger eldonata *Kleine Kirchenblatt.* Msro Mörzinger rifuzas ĉiujn organizajn ligadojn en sia porinfana laborado, lia organizajo estas la eklezio. Lia granda celo estas la rekristanigo de la infanaro kaj per tio la religia bazigo de la popolo, antaŭ ĉio de Wien. Li iras sur tiu kampo sian propran vojon, personan, sed aŭstran-vienan vojon. La praktikan efikon oni nun ne ankoraŭ povas plene superrigardi kaj ĝuste taksi, ĉar nun ja nur estas la tempo de la semado. Sed se ne plu falas prujno sur ĉi tiun semitajon, tiam ĝi devas alporti riĉan rikolton, ĉar la amplekso de la agado preskaŭ estas amerikana. La meznombra eldonkvanto de la *Kleine Kirchenblatt* estas posemajne 230.000 ekz. Por ankoraŭ pligrandigi la animan pliprofundigon, enkondukis Msro Mörzinger la « Jesuo-tagon » por la infanoj. En ĝi oni turnas la plej grandan atenton al la edukado de la karaktero de la infano per progresigo de la ĉiutaga konsciencesploro kaj de la partikularekzameno ĉe la infanoj. La eldonkvanto de *Jesustag* nuntempe estas 320 000 ekz. Ke ĉi tiu agado ne estas bato en la aeron, oni klare vidas el la eldiroj de la kateĥistoj kaj gepatroj, kiuj depost enkonduko de la Jesuo-tago konstatas rimarkindan plibonigon de la infanoj. Krom ĉi tiu laboro al la animoj de la infanoj Msro Mörzinger ankaŭ flegas la karitatan laboron al la malriĉaj infanoj. Tiel estas la meznombra sumo, kiun Msro Mörzinger depost tri jarojn elspezas por malriĉaj infanoj 60.000 aŭstr. ŝilingojn pojare, nome por feriaj agadoj po 17.000 ŝil., por la kristnaskaj agadoj po 30.000 ŝil. kaj por aliaj donacoj dum ĉiu jaro por malriĉaj infanoj 13.000 ŝil.

■ La *« Katolika Lerneja-asocio »* establis en Wien pluan privatan popollernejon por knaboj, kiun benis Kardinalo Piffl ; per ĝi pliatiĝis la nombro de la katolikaj privataj popollernejoj en Wien al 33.

■ El la jarraporto en la ĉefkunveno de la *« Canisiuswerk »* por edukado de pastroj oni povis konstati la jenon : Nombro de la protektatoj en 59 institutoj 811 ; aranĝajoj : 55 religiaj semajnoj, 9 prelegocikloj en diversaj distriktoj de Wien, 36 solenaj tagoj por pastreco kaj popolo en la provinco, 6 religiaj kursoj. 360 pli grandaj kaj pli malgrandaj kunvenoj, 6 milionoj da ekzempleroj de la « Volksseele », de la « Quatemberstimmen », broŝuroj kaj flugfolioj, 150 apostoloj de la Koro de Jesuo agantaj en la familioj, pli ol 10.000 domvizitoj ; vizitoj ĉe la afergvidante estro kaj en la oficejo 15.000. Kia sumego da oferplena laboro por altega celo !

■ Dum la regna konferenco de la religiaj socialistoj, okazinta antaŭ nelonge en Wien, oni decidis, laŭ propono de Redaktoro Otto Bauer, aranĝi nedevigajn priparoladojn inter riprezentantoj de la Eklezio kaj de la religiaj socialistoj, kiel ilin proponis P. Optat Winder, O. Cap., en la nº 50/51 de la *Katholische Kirchenzeitung,* Salzburg. En la gazetara servo de la religiaj socialistoj la estro Bauer deklaris, ke la dezirata celo estas la plivastigo de la socialista partio de la kamparanoj kaj laboristoj en la senco de la angla « Labour Party », kies karakterizaĵo estas kultura kaj politika neŭtraleco.

■ La *« Mariana kongregacio por komercistoj »* en Wien antaŭ nelonge festis la jubileon de sia 40-jara ekzisto. La komercista kongregacio estas tre grava por la katolika vivo de Wien. La ĉiujaraj manifestadoj de la katolikaj viroj de Wien, la viro-pilgrimadoj al Maria-Zell kaj al Klosterneuburg komenciĝis en la komercista kongregacio per instigo de sia fondinto kaj gvidanto P. Abel, S. J., la « Viena apostolo de la viroj. »

KARL DÜRSCHMID.

### Germanaj komunistoj aŭskultas...

La germana komunista partio ekorganizis unuiĝon de radio-aŭskultantoj, kies celo estas utiligi kaj firme kunlabori kun la sovetaj radio-stacioj. La gazeto *Germania,* organo de la germana kanceliero, skribas tiurilate, ke en Germanujo estiĝis komunistaj vesperaj kursoj, dum kiuj oni aŭskultas prelegojn de la sovetaj radio-stacioj. Poste oni pridiskutadas tiujn prelegojn. Dum tiuj kursoj oni okazigas prelegojn el la radio-tekniko. La aŭskultantoj havas je sia dispono la plej novajn radio-ricevilojn. La supre dirita organizajo, asertas la *Germania,* celas havigi al si specialistojn el la fako de radio-tekniko por uzi ilin al precize difinitaj teknikaj laboroj en okazo de komunista revolucio. La *Germania* atentigas la registarajn aŭtoritatojn pri la firma kunlaboro inter la sovetaj kaj germanaj komunistoj en la fako de la radiopropagando kaj pri pli kaj pli oftaj faktoj de sinmikso de Sovetrusujo en la internajn aferojn de Germanujo. Oni devas kiel eble plej energie kontraŭagi tielajn organizajojn kaj finigi similan agadon, kiu estigas gravan danĝeron por la lando.

ANTONI TROSZYNSKI.

## EL LA VATIKANA URBO

### La artaj galerioj

Oni jam tutmonde scias, ke la Vatikana Urbo enhavas multajn artajn valoraĵojn. Sed kelkaj artaĵoj estis ĝis nun pli malpli bone aranĝitaj kaj ekspoziciitaj. Por plibonigi tion, Pio XI-a decidis konstruigi novan muzeon en la Vatikanaj ĝardenoj. Senatano Beltrami desegnis la planojn, laŭ kiuj oni tuj ekkonstruigis la novan artdomon. Verŝajne tiuj novaj artaj galerioj estos la plej bone aranĝitaj el Romo kaj eĉ el la tuta mondo.

Speciala ĉambro estos tute dediĉita al la verkoj de Rafael. Tie oni povos vidi la belegan « Transfiguron », kune kun la « Madono de Foligno » kaj la « Kronigo de la Virgulino ». Alian muron kovros serio de lanbrodaĵoj desegnitaj de la majstro de Urbino.

La Italaj majstroj de la religia pentrarto estos ekspoziciitaj en aparta fako, de post Giotto ĝis la artistoj de la XIII-a jarcento. La sekcio plu enhavos, kune kun bizartaj pentraĵoj, kelkajn freskojn de la IX-a kaj X-a jarcento, eltiritaj el Romaj preĝejoj, kaj permesos studi la komencon de la kristana arto.

Oni ĵus komencis la ornamadon de la eksteraĵo, kiu estos laŭ Renesanca stilo; ĝi konsistos plejparte el multkolora mosaiko.

Espereble la nova artpalaco estos inaŭgurata en majo 1932.

### Muzeo de armiloj

Ne nur la pentraĵoj estas zorge konservataj en la Vatikano, sed ankaŭ kuriozaj kaj historiaj armiloj. Tial, konsekvence de la pligrandigo de la kaserno por la palaca gvardio, oni ekaranĝis muzeon en ĉambroj, kies pordoj troviĝas ĉe la korto de la Sankta-Oficejo. La muzeo jam enhavas kelkajn kanonojn, kiuj ĝis nun troviĝis en la Vatikanaj ĝardenoj: unu el ĉi tiuj estis donacita de Karlo-Alberto al la Papo Pio IX-a; ĝi surhavas la blazonon de la Savoja Familio. Bombokanono kaj malgrandaj kanonoj devenantaj de la Papa ŝiparo estas ankaŭ konservataj en tiu nova muzeo.

### En la baziliko Sankta-Petro

Pli kaj pli teknike moderniĝas la instalaĵoj de la Vatikana Urbo. Oni nun parolas pri elektrigo de la sonorado de la baziliko Sankta-Petro. Sed la efektivigo de tiu projekto estas malfacila pro la speciala sonorado de la sonoriloj de la Papa preĝejo. Ekzemple dum la tagnaŭo honore al sankta Petro, la sonoriloj, kiuj estas tre dikaj kaj pezaj, aŭdiĝas kvarfoje dum la tago kaj dum tuta horo ĉiufoje. La meĥanismo elpensota devas do esti potencohava.

### La protestanta propagando

Ho! ĝi ne okazas en la Vatikana Urbo. Tute ne! Sed ĝi furiozas en tuta Italujo. Kaj Lia Papa Moŝto, akceptante en speciala aŭdienco la fastajn predikontojn de Romo, protestis kontraŭ tiu propagando de Protestantismo grandskale farata en Romo mem, la centrejo de Katolikismo, kaj en tuta Italujo, malgraŭ la artikoloj de la kontrakto de Laterano, kiu kondiĉas, ke nur Katolikismo estas la ŝtata religio, kaj ke ĉiam estos respektata la sankta karaktero de Romo. Ne nur la Italaj aŭtoritatoj permesis al la protestantoj propagandi siajn falsajn doktrinojn, sed oni ankaŭ povas diri, ke ili iel helpis tiun disvastigon kontraŭan al la kontrakto de Laterano.

PETRANO.

## NOVAĴOJ EL FRANCUJO

### Misi-pavilono en la Kolonia Ekspozicio

Antaŭ du jaroj, Hispanujo honoris la misiistojn en la ekspozicio de Barcelono. Belega pavilono estis konstruita de la registaro, en kiu la misiistoj estis povintaj instali siajn verkojn. La registaro donacis monsumon da 2 milionoj da pesetoj al la misiaj entreprenoj kaj certigis la dejoradon de tiu pavilono, sen paroli pri multaj aliaj facilaĵoj konsentitaj.

En Antverpeno, lastan jaron, Belgujo siakonsilantaro, Supera Labor-Konsilantaro, Sociaj Asekuroj, ktp.

Feliĉe pli kaj pli oni komprenas en Francujo la utilon de la kristana sindikatismo, kiu kontraŭbatalas komunismon kaj socialismon. Tial la katolikaj medioj pli kaj pli subtenas ĝin ĉiumaniere.

### Tra la katolikaj asocioj

Lasttempe okazis sociaj tagoj organizitaj de la Katolika Unuiĝo de la dejorantoj en sanservo. Tiu ĉi organizaĵo grupigas 7 000 geflegistojn. Msro Gerlier, episkopo de Tarbes kaj Lourdos, prezidis la kunsidojn, dum kiuj parolis Pastro Sanson, pri la reala vivo de la flegistinoj.



LA MISI-PAVILONO EN LA KOLONIA EKSPOZICIO DE PARIZO

vice oferis, sendube pli modeste, sed tamen efikmaniere, belan lokon al la misiistoj en la pavilono de la Kongo.

Francujo, ĉijare, nepre devis, ĝi ankaŭ, havigi lokon al la misiistoj en la prikolonia ekspozicio, kiu baldaŭ estos inaŭgurita en Parizo. Marŝalo Lyautey, kiu sperte konas la misiistojn, ĉar li vidis ilin dum laborado, rezervis al ili indan lokon en la kolonia ekspozicio.

La pavilono de la misioj, konstruita laŭ la planoj de la arĥitekturisto Paul Tournon, similas al preĝejo, kies sonorilturo suprenlevas la krucon, signo de savo. Ĝi memorigos al la multnombraj vizitantoj la gravan laboron de la katolika Eklezio en la diversaj kolonioj.

### La kristana sindikatismo

La Kunfederacio franca de la kristanaj laboristoj, kies socia doktrino estas tiu de la encikliko *Rerum Novarum* kaj de la Papoj, estis fondita la 1 novembro 1919, kaj tuj grupigis 350 sindikatojn. Poste la aliĝintaj sindikatoj ĉiam pli kaj pli nombriĝis: en 1926, 559; en 1927, 593; en 1928, 632; en 1929, 679 kaj fine en 1930, 708.

Ili estas distribuitaj en 82 departementoj kaj formas 11 metiistajn federaciojn kaj 21 regionajn unuiĝojn kun 30 gazetoj kaj organoj.

Ĝia reala laboro sin montras pere de jenaj aranĝoj: 720 profesiaj kursoj, 233 studrondoj, 203 kasoj por reciproka helpo; 81 kasoj por senlaboreco, 52 kasoj por soldatoj, 48 kasoj por rezisto-kapablo.

El ĝiaj membroj 140 estas anoj de metiaj konsilantaroj kaj kelkaj partoprenas en gravaj sociaj organizaĵoj, kiel la Nacia Ekonomia

### Ĉe la Parizaj artistoj

Kutime la Parizaj artistoj ĝuas malbonan famon. Tamen estas kelkafoja escepto. Tiel ĉiujare, de post 1914, okazas, la cindran merkredon, Diservo speciala por la artistoj en preĝejo de Parizo, kiu kuŝas tutapude de la muzeo Louvre. La Parizaj artistoj pie kunveniĝas por komence de la Granda Fasto ricevi la liturgie benitajn cindrojn, kiuj memorigos ankaŭ al ili, ke ili estas nur cindroformaĵo kaj ke iam ili refariĝos cindroj en la tombo. Pastro Janvier, Dominikano, faris ĉijare la predikon.

### La fastaj konferencoj en la Katedralo de Parizo

Ĉijare ankoraŭ Pastro Pinard de La Boullaye predikas la fastajn konferencojn por vivo en la katedralo Nia-Sinjorino de Parizo. La temo estas: « Jesuo Mesio ». La konferencoj okazas ĉiudimanĉe, je la 17 h. kaj estas dissendataj per la radio-posteno « Radio-Paris ».

### Episkopa kunveno

Dum la antaŭlasta semajno okazis en la ĉefepiskopa palaco de Parizo la ĉiujara kunveno de la kardinaloj kaj ĉefepiskopoj de Francujo. Malgraŭ ke kutime oni ne publikigas la temon de tiu kunsido, oni povas tamen diri, ke la ĉefa demando pristudita dum la ĉijara kunsido estis la organizado en Francujo de la Katolika Agado.

G. O.

## LETERO EL LITOVUJO

### Lastaj okazintaĵoj

Dum la festo de la Papo, la 8 februaro 1931, la ŝtata prezidanto, registaro kaj deputataro devis laŭkutime viziti la katedralon en Kaŭnas, kie celebris pontifikan meson la ĉefepiskopo. Sed ĉijare por la unua fojo tio ne okazis. Oni vizitis nur la soldatan preĝejon. Dume en la katedralo ĉeestis katolikaro: profesoroj, eminentuloj, studentaj organizaĵoj, ktp. Dum la Diserso en tuta Litovujo estis legataj, ĉi tiun tagon, leteroj de la Papa kaj episkoparo.

Vespere okazis solena memorfesto pri la papa elekto en la Jezuita Gimnazio. Kiam la kunveno estis malfermita kaj ĝiaj iniciatoroj petis ekparoli Lian Ekscelencon Skvireckas, ĉefepiskopo de Kaŭnas, ĉi tiu ne konsentis ekparoli dum ĉeesto de policanoj. Nur post forigo de la policanoj, Lia Ĉefepiskopa Moŝto diris la unuan paroladon. Tie ĉi ĉeestis ankaŭ la nuncia anstataŭulo, Msro Faiduti.

Tiu okazaĵo sufiĉe karakterizas la rilatojn inter la registaro kaj la ekleziaj aŭtoritatuloj.

### Evoluo de kulturbatalo

Antaŭ kvar jaroj, post forpuŝo de socialista registaro, ŝtatan regadon ekkaptis pli malmultnombra partio, Taŭtiminkai-naciuloj, kiu regas ĝis nun Litovujon, sen parlamento kaj balotoj. Tiu partio subskribis konkordaton kun Lia Papa Moŝto, sed tuj entreprenis kontraŭkatolikan batalon sisteman kaj maljustan. Une la registaranoj fermigis katolikajn ekonomi-organizaĵojn, ekkomencis porcesojn kontraŭ katolikaj inteligentuloj. Plue oni ekprovis kaj provas fermi aŭ malgrandigi katolikan teologi-filozofian fakultaton, sed dank' al la katolikaro, Papo kaj konkordato tio ne sukcesis. Plifacile al registaranoj sukcesas la fermado de katolikaj mezlernejoj, per ŝtatigo de lernejoj. Fine, la 4 septembro 1930, estis fermita la katolika gimnazia organizaĵo « Ateitininkai ». Per komuna letero publika la Litova episkoparo protestis kontraŭ tiu perforta ago, kiu rompigis la konkordaton. La registaro ankoraŭ ŝtatigis la sendependajn skoltojn kaj malpermesis fondi katolikajn skoltrupojn. Al la episkopara letero oni respondis per kulpigoj al la pastraro, kriante ke la Katolika Agado estas nur politikaĵo. Oni ankaŭ ĉesigis la radio-disaŭdigon de la predikoj okazantaj en la katedralo de Kaŭnas, kaj aljetis al la episkoparo rompigon de la konstitucia juro.

### Perfortaĵoj

En Kaŭnas nun kelke da miloj kaŝaj policagentoj dejoradas, por postpaŝadi ĉiujn katolikajn ĉefulojn. En provinco simile estas. Pro tio oni kalkulas jam proksimume 50 porpastrajn juĝajn kulpigojn pri « politikaĵo » en unusola tribunalo rilate unu predikejo.

La Katolika Agado ofte devigata estas, rifuĝi en preĝejojn aŭ iajn ajn « katakumbojn ». Dank' al tio, pliiĝas, pliviglîĝas la Katolika Agado meze de la katolika junularo, en vilaĝoj, mezlernejoj, universitato. El ĉiuj eminentaj episkopo kaj eparĥio de Panevezys. Spite da minacoj kaj ekziliskriboj plej ageme laboras Pastroj A. Lipnickas, K. Rankelé, Šalčius. La tuta katolikaro sendas al la episkopoj kondolencskribojn okaze de maljustaj kulpigoj. La registaro kaj ŝtata prezidanto siaflanke ricevas multajn protestkaj petskribojn, kvankam oni ne bonvolas ilin aŭskulti.

Dum la elpelo el Kaŭnas de D-ro Karvelis, eksministro, kaj de du studentoj, okazis en la fervoja stacio, kvazaŭ neatendita demonstrado. Pro tio kaj aliaj kaŭzoj oni enkarcerigis jam ses studentoj, D-ron Ambrozaitis, prezidanton de la Katolika Laborista Federacio, S-ron Radzevičius, redaktoron de la gazeto *Rytas*, kaj lian vicredaktoron, F-inon O. Labanauskaité, kaj aliajn, entute dek personojn. Studentoj enkarcerigitaj proklamis malsatstrikon. Tuta katolika studentaro laŭvole malsatis tutan tagon por helpi morale kaj materiale siajn kolegojn. Kvar presbiteroj jam atendas juĝan proceson en *militista* juĝejo...

Sed nia kredo kaj espero en Dio kreskas, vastiĝas kaj pliviglîĝas, kvankam nia registaro iel ajn esperegus en militista estraro, ĉar perforte ĝi neniam trafos sian celon. Ni tutkore petas de niaj katolikaj gefratoj tutmondaj amon kaj karitaton... Kaj pro tio ni antaŭe dankas!

Xxx.

N. D. L. R. — Kompreneble nia tutkora simpatio iras al niaj persekutadon suferantaj fratoj Litovaj. Por ili ni propetos Dion kaj la Reĝinon de martiroj, por ke ili ricevu la necesajn gracojn, kiuj subtenos ilin en tiu kulturbatalo por Kristo.

## La katolika gazetaro kaj la nia

La ĉiusemajna revuo *Das Neue Reich*, eldonita de « Tyrolia » en Wien, Aŭstrujo, prezentis, en sia numero de la 21 februaro lasta, nian gazeton *Katolika Vivo* kaj havigis afablan recenzon de la enhavo de unu el niaj numeroj, tiele montrante la utilon de nia organo por la Katolika Agado.

Ankaŭ la fame konata germanlingva semajna revuo *Schönere Zukunft*, Wien, raportas, en nº 22 (paĝo 513) de la 1 marto 1931, pri la apero de nia organo esperantlingva.

La semajna revuo *La Crevada*, eliranta en Terrassa (Hispanujo), dediĉas, en sia numero de la 21 februaro, tutan paĝon, por anonci la aperon de nia gazeto, kies programon ĝi sciigas per reprodukto de la ĉefartikola de nia direktoro.



## La senlaboreco en Usono kaj la kristana karitato

La mizero en Usono pro senlaboreco estas grandega. Malgraŭ optimistaj antaŭdiroj la ĝenerala situacio ne estas kuraĝiga. La nombro de la senlaboruloj estas pli kaj pli granda. Kaj en ĉiuj grandaj urboj estas videblaj la longaj vicoj de la malfeliĉuloj, kiuj petas panpecon. La almozpetado multe kreskis en Nov-Jorko, Filadelfio, Ĉikago, Sankta-Ludoviko kaj Bostono.

La situacio komplikiĝas sekve ke la loĝantoj de la etaj urboj kaj kamparaj regionoj amase aliras al la grandaj urboj, esperante trovi tie laboron aŭ almenaŭ helpon.

La katolikaj aŭtoritatuloj multe pristudas la situacion, por trovi al ĝi rimedojn. Oni povas diri, ke ĝenerale ĉiuj katolikaj aktivecoj de Usono estas mobilizitaj por kontraŭagi la mizeron, kiu suferigas tiom multe da homoj en Ameriko. Ĉiuj laboroj antaŭkalkulitaj por la venontaj jaroj, ĉu konstruado, ĉu riparoj de preĝejoj, lernejoj, paroĥaj ĉambroj, ktp., estas tuj entreprenataj por havigi laboron al senlaboruloj. La katolikoj estas invitataj same agi laŭpove pri siaj personaj projektoj. Plie monkolektoj okazas en la preĝejoj por disdoni monhelpon al la senlaboruloj.

Monaĥejoj, lernejoj, paroĥoj, Bonfaraj Societoj aranĝis disdonojn de nutraĵoj, vestoj kaj eĉ mono. En San Francisco, riĉulo, kies nomo estas nekonata, organizis kuirejon kaj vastan manĝoĉambron, kie estas disdonataj abundajn manĝadojn al 6.000 homoj tagmeze kaj vespere. Okazas tri manĝoj po 2.000 homoj ĉiufoje.

Ĝenerale la organizadon de la helpoj prizorgas la Societo Sankta-Vincento de Paŭlo kaj la Kavaliroj de Kolombo, kiuj agadas ĉu private, ĉu kune kun la oficialaj organizaĵoj.

# LETERO EL GERMANUJO

### La Bavaraj episkopoj kontraŭ la Hitler-movado

Post la cirkulero de Kardinalo Bertram nome de la episkopa konferenco de Fulda, kies plej gravajn partojn *Katolika Vivo* publikigis, nun ankaŭ ekparolis la episkopa konferenco de Freising pri Katolikismo kaj Hitler-movado, tiel ke nun la tuta Germana episkoparo solene klarigis la katolikan sintenon rilate al tiu moderna movado bazita sur herezaj opinioj. La bultenoj de la ok bavaraj eparĥioj enhavis, la 12 februaro, artikolon, el kiu kelkaj frazoj tekstas : « *La naci-socialismo enhavas en sia kulturpolitika programo herezojn,* ĉar ĝi rifuzas aŭ malĝuste interpretas en ĝi esencajn doktrinojn de la katolika kredo kaj ĉar ĝi laŭ klarigoj de ĝiaj estroj volas meti novan mondkoncepton je la loko de la kristana religio. Gvidantaj riprezentantoj de la naci-socialismo taksas la rason pli alte ol la religion, ili rifuzas la revelaciojn de la Malnova Testamento kaj eĉ la Moseajn Dek Ordonojn (Dekalogon)... »

### La nova episkopo de Aachen

Aachen, la malnova honorinda urbo kun la belega katedralo, en kiu troviĝas la tombo de Karlo la Granda kaj en kiu la romanaj imperiestroj de germana nacieco ricevis la germanan reĝan kronon, por poste pilgrimi al Romo kaj ricevi de la mano de la Sankta Patro la imperiestran kronon, — nun havas sian unuan episkopon : D-ron Vogt, la antaŭan ĝeneralan vikarion de la ĉefeparĥio Köln. Certe multaj eksterlandanoj miras, ke Aachen ne jam estis episkopa urbo. Fakte ja la Aachen-anoj jam de longa tempo parolis pri « sia episkopo », ĉar estis kutimo, ke unu el la helpepiskopoj de Köln rezidis en Aachen. Per la konkordato de la Sankta Seĝo kun la Prusa Ŝtato 1929 (ne kun la Germana Ŝtato, kiel erare informis malgranda noto en K.V. de 1 marto) la teritorio de la nova eparĥio estas dispartigita de la ĉefeparĥio de Köln, kiu estis unu el la plej grandaj de la tuta mondo (5 milionoj da animoj!). De 1929 ĝis 1931 Kardinalo Schulte, ĉefepiskopo de Köln, estis apostola administranto de Aachen.

### La lerneja problemo en Saksujo

La germana lando Saksujo (Sachsen) estas preskaŭ ekskluzive protestanta. Post la revolucio de 1918 ĝi havis en la parlamento socialistan-komunistan plimulton, kiu tuj ŝanĝis 3.000 protestantajn lernejojn en « nekonfesiajn » (laikajn) lernejojn ; nur 28 katolikaj lernejoj povis gardi sian religian karakteron. La protestantaj gepatroj nur per grandaj penoj helpe de juĝo de la Plej Supera Germana Tribunalo (Reichsgericht) atingis, ke almenaŭ en kelkaj « apudaj » lecionoj religio povis esti instruata. Kun la akcepto de la Germana Konstitucio de Weimar 1919 estas decidite, ke ĝis stargo de Germana Lerneja Leĝo la lerneja situacio en la diversaj landoj de Germanujo restu kiel ĝis nun, ke do ŝanĝoj okazu nur laŭ speciale esprimita deziro de la gepatroj en la diversaj homunumoj. Tio signifis fakte por la plej multaj landoj, speciale por Prusujo kaj Bavarujo, la stabiligon de la konfesiaj lernejoj kun pozitive religia (protestanta resp. katolika) karaktero, ke do protestantaj infanoj iras en protestantajn, katolikaj infanoj en katolikajn lernejojn. Sed por Saksujo tio signifis stabiligon de la malo. Do la religiemaj geloĝantoj de Saksujo devas havi specialan intereson pri baldaŭa apero de Ĝenerala Germana Lerneja Leĝo. Unu protestanta partio (Kristana Popola Servo, Christlicher Volksdienst) faris en la parlamento proponon, ke oni petu la germanan registaron prepari baldaŭan proponon pri definitiva lerneja leĝo bazita sur la rajto de la gepatroj, decidi pri la lerneja formo de siaj infanoj (kio cetere ĉiam estis ankaŭ la katolika postulo en Germanujo). La propono estas rifuzita, ĉar krom la komunistoj kaj socialistoj ankaŭ — la nacisocialistoj voĉdonis kontraŭ ĝi.

### Papa Soleno en Berlin

Okaze de la naŭjara datreveno de la kronadtago de Pio XI-a okazis en la katedralo Sankta-Hedwigo en Berlin, la 12 februaro, solena sankta meso celebrita de la apostola nuncio Lia Ĉefepiskopa Moŝto Msro Orsenigo. Ĉeestis i. a. kanceliero (ĉefministro) D-ro Brüning, la germanaj ministroj D-ro Wirth, Gröner kaj Schätzl, la prusaj ministroj Steiger, Hirtsiefer kaj Schmidt, multaj anoj de la diplomataro kaj multegaj parlamentanoj. En la apostola nunciejo okazis vespera akcepto, kiun i. a. partoprenis la prezidanto de la Germana Respubliko von Hindenburg, la ĉefministro D-ro Brüning kaj multaj eminentuloj.

### La Papo paroladis per radio

La germanaj radio-stacioj faris ĉion eblan, por klare transigi la paroladon de la Sankta Patro okaze de la inaŭguro de la Vatikana sendstacio. Jen kiel la okcidentgermanaj stacioj (centrejo en Köln) post multaj eksperimentoj pri klareco aranĝis la aferon : Per radio oni ekkaptis la paroladon en Wien, de tie ĝi iris per telefona kablo en tre komplikita vojo (Wien-Praha-Berlin-Dortmund-Köln) al okcidenta Germanujo, kaj de tie ĝi denove per radio estas disaŭdigita. Kial tiaj komplikoj ? Ĉar la rekta radio-vojo kaj la rekta kablovojo alportis ĝenantajn apudsonojn malfacile forigeblajn.

### Ĉu militaristaj organizajoj de la katolika junularo ?

Tra la gazetaro kuris fantaziaj informoj pri la fondo de tiel nomata « Kreuzschar » (Kruca Aro), defenda organizajo politika de la katolika junularo. Unue estas konstatote, ke tiaj fondoj okazis nur en la prusa provinco Silezio kaj ke ili ne venos al la aliaj partoj de Germanujo. Tiaj batal- kaj defendotrupoj kontraŭ komunistoj kaj naci-socialistoj en formoj, kiuj estas pli malpli parencaj al la malbonfamkonataj « Wehrorganisanen » (defendo-organajoj) de la ekstremuloj, ŝajnas ne tre bona metodo, po atingi ion. Tial ankaŭ la Katolika Junmetiista Unuiĝo (Gesellenverein), tre grava junulara asocio, per decido de sia landa estraro voĉdonis kontraŭ tiu organizajo kaj kontraŭ tiaj metodoj.

### La problemo de la katolika gazetaro

La ekonomia krizo nun tre suferigas la katolikan gazetaron kaj helpas tiujn tendencojn, kiuj celas koncentrigon kaj unuformigon de la katolikaj jurnaloj. Tiu problemo nun estas multe diskutata, kaj ankaŭ la lasta kunveno de la Augustinus-Verein (Unuiĝo por la Katolika Gazetaro) okupigis pri ĝi. Germanujo posedas grandan varriecon de la katolikaj jurnaloj, ekzistas kelkaj centoj da ĉiutagaj katolikaj publikajoj. Por legi « la katolikan gazetaron » en Francujo, oni simple legas *La Croix*, se oni volas fari la samon en Germanujo, oni nepre devas legi almenaŭ 7 aŭ 8 jurnalojn, ekz. *Germania* (Berlin), *Kölnische Volkszeitung* (Köln), *Augsburger Postzeitung* (Augsburg), *Deutsches Volksblatt* (Stuttgart), *Rhein-Mainische Volkszeitung* (Frankfurt), *Essener Volkszeitung* (Essen), *Düsseldorfer Tageblatt* (Düsseldorf), *Tremonia* (Dortmund), *Schlesische Volkszeitung* (Breslau). Sed ankaŭ la provincaj ĵurnaloj havas grandan signifon. Kompreneble estas dezirinde, ke en regionoj, kie la katolika gazetaro estas tro dispartigita, okazu kunfandiĝoj, sed ŝajnas tre danĝere, se ankaŭ la katolika gazetaro evoluiĝus al tiu trusta formo de la jurnalentreprenoj, kiel ĝi ekzistas por naciistaj, liberalaj kaj socialistaj jurnaloj. Mi opinias, ke la varieco kaj multformeco de la katolika gazetaro estas valoro, kiu estu nepre gardata.

### Katolika konferenco pri pola-germana interpacigo

Okazos 28-30 marto en Köln kun partopreno de tre kompetantaj fakuloj. Esperebla ĝi bone sukcesos kaj helpos akceli unu el la plej gravaj taskoj de la katolika paca movado.

D-ro WILHELM SOLZBACHER.

# EL HISPANUJO

## LA TAGO DE LA PAPO

### En Madrido

La 12 februaro okazis grava akcepto en la palaco de la Papa Nuncio en Madrido, kie la eminenta grafo Rodríguez San Pedro, prezidanto de la Centra Komitato de Katolika Agado (Junta Central de Acción Social Católica), paroladis antaŭ Lia Ekscelenca Nuncio Tedeschini, montrante la aliĝon de la Komitato kaj tiun de la tuta Katolika Sociagado de Hispanujo al la Sankta-Patro, dezirante, ke li informigu al Lia Sankteco pri siaj filaj sentoj, kaj entuziasmaj gratuloj pro liaj mirindaj Enciklikoj juse publikigitaj pri la familia edukado.

Msro Tedeschini, dankante pri la vizito de la Ĉefestraro de la Katolika Sociagado de Hispanujo, kiu fidele obeas ĉiujn papajn ordonojn kaj konsilojn, promesis informigi detale al la Sankta-Patro, kiu havas grandan preferecon specialan pro Hispanujo, pri la bondeziroj de la katolika popolo hispana.

Ankaŭ rimarkis, ke en la samtago, la Pontifika Ŝtato ĵus surgravuris monerojn, kiuj portas la figuron kaj enskribajon de la Papo, post la sesdekjara interrompo, simbolo kaj esprimo de la suvereneco de la Papo, pro kiu laboradis kaj bataladis Hispanujo.

Tiuj moneroj per ĝia enskribaĵo kaj figuro proklamas ne nur la universalan suverenecon de la Papo, sed ankaŭ Lian teritorian sendependecon.

Rememorigis la vortojn de Kristo al fariseoj : « Donu al Dio, tion, kio estas de Dio, kaj al Cezaro tion, kio estas de Cezaro », kaj kiel la Papo estas riprezentanto de Dio kaj krom ankaŭ estas Cezaro, nia devo estas doni ĉion al Dio, per persono de nia Sankta-Patro.

Ankaŭ en ĉi tiu tago, unuafoje oni aŭdas per radio-aparatoj la spiritajn vortojn, sur la tuta terglobo, kiuj sonoras ĉiam en la koro de la fideluloj, kiuj obeante akceptas Liajn instrukciojn.

Ni aŭdu la voĉon de la Sankta-Patro, kiu sole, kiel riprezentanto de Dio havas parolojn de eterna vero, kaj Li diras al ni, ke la paco estu kun Hispanujo, ke Hispanujo atente aŭdu tiujn vortojn de la Papo, do, nur obeante al Papo, ni trovos la pacon.

Finis Msro Tedeschini formulante bondezirojn pro paco kaj prospereco de Hispanujo.

### En Toledo

Lia Kardinala Moŝto Primato D-ro Segura ordonis Diservojn en ĉiuj preĝejoj por solenigi la Papan Tagon.

La nokta festo estis prezidita de Lia Kardinala Moŝto kaj la granda salono estis plena de ĉiuj aŭtoritatuloj, ekleziaj, militistaj, civilaj kaj de altranga publiko.

Profesoro Petro Santiago Romero legis raporton pri la agado de la Roma Pontifiko dum la naŭ jaroj de Lia regado ; Rektoro de la seminario José María Ferrand legis originalan kaj belan poemon pri amo al la Papo ; S-ro Luis Hernando de Larramendi paroladis pri nediskutebla neeblecо de la Roma Pontifiko.

Lia Kardinala Moŝto D-ro Segura, resumis legadojn kaj paroladojn, finigante siajn spiritajn avertojn per laŭta kaj forta esprimo jena : Vivu la Papo ! kiun ĉiuj ĉeestantoj entuziasmigitaj aklamis aplaŭdege.

FRANCISKO M. RUA.

*Ne estas grandega laboro por vi varbado de unu nova abonanto. Sed akiro de mil novaj abonantoj estas tute nepra por la vivo de nia gazeto. Plenumu do vian etan taskon, kies rezulto estas tiel grava !*


## KATOLIKA VIVO

DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

**DIREKCIO kaj REDAKCIO**
22, Cours Albert-Premier — PARIS-VIII
Telefono : Parie-Elysées 85-84
Telegrama adreso : Ramboux, Croibayar-Paris-86

**ADMINISTRACIO**
22, Cours Albert-Premier — PARIS-VIII
Poŝta ĉekkonto : Ramboux Georges, Paris nº 281.40

**ABONPREZOJ :**

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj. . fr. fk. | 30.— | 16,— | 8 50 |
| Por landoj kun rabata posttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato. Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika*. La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

**Oni abonas aŭ reabonas :**

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris nº 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero ; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj : Aŭstrujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto :

*Por Anglujo* : S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).

*Por Aŭstrujo* : S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto nº 122.791.

*Por Belgujo* : S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto nº 2289.27.

*Por Ĉeĥoslovakujo* : S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto nº 89.927.

*Par Germanujo* : S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto nº 9.728.

*Por Hispanujo* : Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.

*Por Irlando* : S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.

*Por Nederlando* : S-ro P. A. Schendeler, Prins Hendrikstr. 30ª, en Eindhoven. Poŝtkonto nº 77.739.

*Por Polujo* : S-ro M. Janik, Świerklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.

*Por Svislando* : S-ro K. Jos. Haas, Adligenswilerstr. 4, Luzern. Poŝtkonto : VII 3.883.

*Kun la permeso de la ekleziaj aŭtoritatoj.*

Respondeca Redaktoro (*Gérant*) : Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14ᵉ. - Gob. 62-71